# Germana Esperantisto

## Der Deutsche Esperantist

Oficiala Organo de
**Germana Esperanto-Asocio (G. E. A.)**
kaj de aliaj esperantistaj unuiĝoj



Offizielles Organ des
**Deutschen Esperanto-Bundes E. V.**
und anderer Esperantisten-Vereinigungen

**Prezo:**
por jaro Sm. 1,500 :: Provabono por 6 monatoj Sm. 0,750
**Anoncoj:**
Vidu tarifon en la anonca parto.

**Preis:**
pro Jahr M. 3,— :: 6 monatl. Probeabonnement M. 1,50
**Anzeigen:**
Siehe Tarif im Anzeigenteil.

8ª Jaro. No. 6. || Redaktion und Administration: Berlin SW., Lindenstr. 18/19 || Junio 1911

## Zum Lübecker Kongress.

In wenigen Tagen (5. ds.) wird der VI. deutsche Esperanto-Kongress eröffnet werden. Wir hoffen und wünschen, dass er einen recht glänzenden und wirkungsvollen Verlauf nimmt und dass er der Esperantobewegung in Deutschland einen mächtigen Antrieb gibt.

Der vorbereitende Ausschuss hat seine Schuldigkeit getan: alles ist bis ins kleinste geordnet und für das Wohlbefinden und die Unterhaltung der Kongressgäste ist bestens gesorgt worden. Die Kongressleitung wird ihre Schuldigkeit tun, das lässt der Verlauf der vorigen Kongresse erhoffen. Vorstand und Beirat des Deutschen Esperanto-Bundes haben die zur Verhandlung kommenden Anträge und Anregungen sorgfältig durchberaten und soweit vorbereitet, dass eine glatte Erledigung des umfangreichen Beratungsstoffes gesichert erscheint. Vor allem muss aber die deutsche Esperantistenschaft von der Ueberzeugung durchdrungen sein, dass die Teilnahme am Kongress nicht bloss eine Vergnügungssache ist, sondern eine Ehrenpflicht für jeden, der zum Deutschen Esperanto-Bunde hält, und der einsieht, wie unentbehrlich zur Erreichung unserer letzten Ziele eine grosse und machtvolle Organisation ist. Unsere Macht findet ihren sichtbaren Ausdruck in der Zahl. Wenn von je zehn Mitgliedern nur einer den Kongress besuchte, so würden wir eine stattliche Versammlung von 600 Personen sein, eine Zahl, die auch auf Skeptiker und Gegner ihren Eindruck nicht verfehlen dürfte und unseren ausländischen Freunden, die sich aus Dänemark, Schweden, England usw. angemeldet haben, einen Begriff von der Bedeutung geben würde, die wir Deutschen für die gesamte Esperantobewegung haben.

Wir wünschen nochmals den Verhandlungen des Kongresses die besten Erfolge, so dass die deutsche Esperantistenschaft mit Befriedigung auf die Tagung ihres VI. Kongresses zurückblicken kann als auf eine Veranstaltung, die unsere Sache ein gutes Stück auf dem eingeschlagenen Wege vorwärts gebracht hat.

*Germana Esperantisto.*

## Internacia reprezentantaro.

Privata propono de K. von Frenckell.

Fine ni ĝin ricevos. Eble kaj espereble baldaŭ. Laŭ mia konvinko ne povas esti pli ol unu opinio pri la absoluta neceso de internacia komuna centro kaj ĝiaj leĝe elektitaj reprezentantoj, oficistoj aŭ plenumantoj de niaj komuninteresoj. Tamen ekzistas eble tiom da diversaj opinioj, kiel ekzistas aktivaj esperantistoj. Ion komunan ni sendube ĉiuj sentas, tio estas, ke ni esperantistoj dum la epoko de privata klopodo por la enkonduko de Esperanto devas kunigi niajn fortojn. Kiam ŝtatoj aŭ regnoj jam estos enkondukintaj Esperanton, oni eble nin pionirojn ne plu bezonos. Hodiaŭ la enkonduko dependas de ni mem. Kial ni tiam ne ŝparas niajn fortojn? Ofte ni nur per grandaj oferoj de tempo, mono kaj energio, ĉar ni private anstataŭ komune agadas, rikoltas sukcesojn aŭ sukcesetojn. Ĉu la esprimata deziro, elparolita de korporacio de centoj aŭ miloj da homoj ne havas pli grandan valoron ol klopodoj de iu privatulo? Ni predikas fratan interkonsenton kaj ĝi ekzistas, sed ni agas kiel fremduloj eĉ unu kontraŭ la alia. Kial? Ĉar ofte eĉ esperantisto, kiu dum multaj jaroj kolektis spertojn aŭ per kapablo staras en la unua vico, sentas la mankon de fido al li ŝuldata, dum eble novulo, post kredita eltrovo de „nova vojo al certa sukceso", ŝajne lin kontraŭbatalas.

Ni esperantistoj komprenas, ke la sola certa bazo por internacia artefarita lingvo estas la interkonsento, la disciplino kaj la bona volo, kaj tamen ni kvazaŭ en vera anarĥio nek obeas unu

la alian, nek donas la aŭtoritatecon al la necesaj institucioj.

Ĉu ni posedas rimedon por reprezenti la vivantan lingvon Esperanto kaj ĝiajn adeptojn dum neesperantistaj kongresoj? Ĉu ni posedas internacian komunan bibliotekon, kie kolektiĝas almenaŭ po unu ekzemplero de ĉiuj eldonaĵoj esperantaj? Ĉu ni posedas centran gazetorganon, kiu atingas nin ĉiujn? Ĉu ni posedas ilon por doni fidindajn statistikojn pri la disvastiĝo de Esperanto aŭ pri ĝia instruado? Ĉu ni posedas rimedon por kunveni kaj decidi, kion ni komune devos apogi aŭ atingi? Aŭ ĉu ni mone subtenas eĉ unu solan oficiston aŭ anaron de ili por la servoj de ni bezonataj? Ne kaj refoje ne.

Kaj tamen la rimedoj ekzistas, kvankam nur duone, ĉar ili nur estas apogitaj de kelkaj sindonaj kaj oferemaj personoj, kiuj volas nin helpi dum la propaganda epoko de Esperanto.

Aŭ ĉu mi eble forgesis ion? Ni ja posedas Konstantan Komitaton, eĉ Akademion kaj Lingvan Komitaton. Jes, sed ĉu ni obeas al ili aŭ ĉu ili eble ĉiuj servas al ni aŭ al la komitatoj mem? Ne, el ĉiuj anguloj de la esperantista mondo oni aŭdas plendon post plendo. Oni diras, ke ili dormas aŭ nenion faras, ja eĉ, ke estus pli bone, se ili nenion farus, anstataŭ private eldoni verkojn aŭ vortarojn plenajn de nedezirindaj vortoj aŭ esprimoj. La kritiko estas malprava. Ni mem estas kulpaj pri tiu anarĥio. Ili ne povas agi alimaniere, ĉar ili ja ne estas elektitaj de ni. Ili tial ne povas senti la plenan respondecon por la agado aŭ neagado. Private ni ilin ŝatas kaj apogas, aŭ private ni mallaŭdas aŭ ne obeas ilin.

Kaj niaj kongresoj? Ofte ĉarmaj, neforgeseblaj tagoj de ĝojo, amikeco kaj interkonatiĝo, sed malplenaj je decidoj. La laboro konsistas el esprimo de deziroj. La kongreso decidis esprimi tion aŭ tion. — Veninte hejmen, ni decidas aŭ la malon, aŭ forgesas la deziresprimon. Ĉu tio estas la tasko de ofero de semajna tempo, de grandaj sumoj da mono kaj de dumjara laboro por Esperanto? Ne.

Ni bezonas internacian centron kun leĝe elektitaj oficistoj kaj reprezentantoj por la tempo inter la kongresoj, por la kongresoj mem kaj por la elekto de niaj ĝeneralaj institucioj kaj komitatoj.

Mi estas certa, ke preskaŭ ĉiuj el niaj agemaj, sukceson alportantaj kunlaborantoj, (ne nomu ilin „ĉefoj") estus elektotaj ĉu por la Konstanta Komitato ĉu por la Lingva Komitato aŭ por la Akademio, sed ni volas ilin elekti por iu tempspaco. Ni ne volas ilin konsideri kiel hazarde dekoritajn por dumviva „dormo" malantaŭ la pordoj de iu komitato.

Ili mem deziras tiun apogon de elekto por iu tempo, ili mem deziras sin senti respondecaj. Se ni ne baldaŭ ilin elektos, la kapabluloj forlasos tiujn maldankemajn honorpostenojn, novaj kapabluloj nur malofte akceptos nomigadon kaj plej ofte ni vidos la certe ne agrablajn rezultatojn, ke tiom kaj tiom da anoj ne voĉdonis, ĉar ili ne konis la kandidaton, aŭ ili eĉ ne respondis. Kandidatoj tute nekonataj, eĉ eble memproponintaj, estos elektotaj hazarde.

Tiom danĝeraj estas ankaŭ la kongresoj, ĉar multfoje ni ne plu vizitas la agadajn kunsidojn, ĉar ili nur kostas tempon kaj monon kaj ne alportas la agrablan senton de plenumita laboro, por kies efektiviĝo oni laboris eble dum tuta jaro.

Kiom da decidoj necesaj, feliĉigaj ni povus havigi al nia afero, se ni havus centran gazetorganon, kie la bonaj maturaj ideoj dum la jaro povus esti priparolataj!

Ni ne povas atingi ĝin antaŭ ol ni mone kaj per ĉiuj fortoj apogos tiun gazeton, ĝiajn oficistojn kaj nian komunan centran organizaĵon kun la elektitaj reprezentantoj.

Kiamaniere ĝin atingi?

Dro Zamenhof montris al ni la vojon. Jam en Antwerpen ni havos la okazon, per bona volo ĝin prepari. Oni elektu reprezentantojn laŭ la maniero de li proponita.*)

Tiu maniero sufiĉos, se ni ĝin volas.

Poste ni en Antwerpen priparolu la manieron atingi la konstantan reprezentantaron. Ni faru proponojn, jen unu:

La esperantistaro deziras centran internacian organizaĵon, deziras ĝin laŭforte apogi per mono, ĝi deziras subteni ĝian centran oficejon, oficistojn, gazeton kaj bibliotekon. La reprezentantaro leĝe elektita havos la rajton fari la necesajn elektojn por la necesaj komitatoj, interalie la Lingva Komitato kaj la Konstanta Komitato. Ĉiaj membroj estu elektotaj nur por limigita tempspaco.

La centro restu almenaŭ por la du venontaj jaroj en Paris.

La reprezentantaro havos la rajton, dum la jaro laŭ voĉdono decidi pri komunaj proponoj same ankaŭ dum la kongresoj.

La elektoj por la reprezentantaro:

La elekto ne estu sole la tasko de naciaj societoj aŭ de privataj personoj; ĝi estu la tasko de korporacioj, ĉu lokaj societoj, ĉu landoj, ĉu naciaj, fakaj aŭ asocioj internaciaj.

La rajton elekti po unu reprezentanto havu ĉiu korporacio aŭ asocio, kunigita per interkonsento de pluraj asocioj enhavantaj 100 aŭ pli da membroj. 200 anoj elektos du reprezentantojn k. t. p.

La rajton enregistrigi la reprezentanton por la daŭro de unu jaro havu ĉiu asocio aŭ kuniĝo de asocioj, kiu sendis membroliston de 100 anoj (samtempe por la uzado de fidinda statistiko kaj societara adresaro) kaj pagis por ili po 10 cen-

*) Vidu G. E. 5, p. 103/4.

timoj (aŭ ekz. 5 spesdekoj) t. e. 10 frankoj (aŭ 5 Sm.). La rajtigado komenciĝu la 1an de la monato, kiu sekvas post la enregistrado kaj daŭru unu jaron. Unu jaron post la enregistrado la rajto ĉesos, se la asocio ne ree pagis la sumon, samtempe sendinte la membroliston.

Kiel regulo (pro praktikaj celoj) la 1a de Marto estu elektota por ĝenerala enregistrado.

La asocio havu la rajton, ŝanĝi la reprezentantaron dum la templimo ekz. je eksiĝo de la reprezentanto, je novaj internaj elektoj, je la kongresa tempo k. t. p.

La Centra Oficejo ĉiujare la 1an de Aprilo eldonu liston de la reprezentantoj kaj komuniku novajn elektojn aŭ ŝanĝojn.

Povas okazi, ke esperantisto, kiu samtempe estas membro de diversaj societoj, diversfoje elektas reprezentanton. Ekz. ano de la Dresdena societo. Li povas la unuan fojon elekti la reprezentanton de la societo, la duan fojon la reprezentanton de la saksa ligo, la trian fojon por G. E. A., la 4an fojon kiel ano de U. E. A. reprezentanton por U. E. A., kaj se li estas stenografiisto, reprezentanton de la faka asocio k. t. p. Kondiĉo estas, ke ĉiuj nomitaj asocioj elektas reprezentanton, forsendas la membroliston de po 100 anoj kaj por po 100 anoj pagos 10 fr. (5 Sm.).

Ĉiu reprezentanto havu po unu voĉo kaj ne reprezentu pli ol maksimume 3 voĉojn el trifoja elekto. Dum la internaciaj kongresoj reprezentanto tamen havu ĝis 10 voĉoj, t. e. se 10 asocioj kun po 100 anoj lin elektis aŭ se asocio kun 1000 membroj donis al li 10 voĉojn.

Ekz. la societo Esperanto nuntempe havas 540 anojn, ĝi do havas la rajton, dumjare esti reprezentata per 5 reprezentantoj aŭ dum la internacia kongreso per unu reprezentanto kun 5 voĉoj.

Aŭ: la Germana Asocio nuntempe havas 5668 membrojn, ĝi do havu la rajton, elekti 56 reprezentantojn kun po unu voĉo aŭ 28 reprezentantojn kun po 2 voĉoj aŭ dum internacia kongreso ĝi estu reprezentota per 5 reprezentantoj kun po 10 kaj unu reprezentanto kun 6 voĉoj. G. E. A. do pagu 560 frankojn jare, t. e. kolektu de ĉiu ano po 10 centimoj jare. Aŭ U. E. A., kiu nuntempe havas 9500 anojn, estu reprezentota per 95 reprezentantoj k. t. p.

Malgrandaj societoj kun malpli ol 100 anoj, kuniĝu kun aliaj societoj.

Por la asocioj kaj societoj, havantaj ekz. 199 anojn oni elektu unu reprezentanton kaj kun alia societo per 99 membroj la duan komunan reprezentanton.

Ĉio sub la kondiĉo, ke la elektinta societo pagas la necesan apogsumon de po 10 frankoj por po 100 membroj. Ni provu tiun vojon, certe demokratan, sed praktike ireblan.

## Das Weltsprachamt in Bern.

Nachdem in den Nummern 4 und 5 des G. E. die Leser dieses geschätzten Blattes auf das in Gründung begriffene „Weltsprachamt" aufmerksam gemacht worden sind, dürfte es am Platze sein, eine volle Aufklärung über das Unternehmen zu versuchen, teilweise um falsche Auffassungen zu beseitigen, dann aber auch, um eine grundsätzliche Stellungnahme der Esperantisten zu ermöglichen.

Wie der G. E. gut berichtet hat, ist die Initiative zu einem internationalen Sprachamte von dem Chemieprofessor Dr. W. Ostwald in Leipzig ausgegangen. In einem am 5. August 1910 in Stockholm gehaltenen Vortrage suchte er zuerst in dieser Stadt für seine Idee Boden zu gewinnen*). Da ihm dies nicht gelang, wandte er sich nach der Schweiz, wo er an den bekannten Idistenführern Schneeberger und Waltisbühl begeisterte Jünger fand. In einem im September 1910 in Bern gehaltenen Vortrage über das Thema „Das Energieprinzip in Handel und Gewerbe" widmete Prof. Ostwald den Hauptteil seiner Ausführungen der internationalen Hilfssprache, unter Hervorhebung des Ido, und regte zum erstenmal die Gründung eines Weltsprachamtes nach dem Vorbilde des Internationalen Friedensbureaus in Bern an.

Von diesem Tage an entfaltete Herr Schneeberger einen grossen Eifer zur Gründung eines Initiativkomitees und warb, neben den Idisten Prof. Lorenz in Frankfurt a. M. und Prof. Ad. Thürlings in Bern, einige Herren an, die bis jetzt der Weltsprachebewegung ferngestanden hatten. Das so gebildete Komitee versammelte sich am 14. November 1910 in Bern zur Beratung des weiteren Vorgehens. Bei dieser Gelegenheit mag zum erstenmal die Befürchtung aufgetaucht sein, dass ohne die Mithilfe der Esperantisten keine grossen Sprünge zu machen seien. Wenigstens soll, nach den Aussagen eines „Neutralen", damals von dieser Seite aus der Vorschlag gemacht worden sein, die Esperantisten zur Mitwirkung heranzuziehen**).

Gegen Ende Februar 1911 erschien sodann in einigen schweizerischen Zeitungen eine lange Mitteilung des Initiativkomitees, worin die Neutralität des Unternehmens deutlich herausgestrichen und ein weiterer Vortrag des Herrn Ostwald auf den 27. Februar angekündigt war. Gestützt auf die Ausführungen in der Presse schrieb der Unterzeichnete am 18. Februar an einen der provisorischen Sekretäre des Sprachamtes, um von ihm einen der damals schon an Interessenten versandten gedruckten „Aufrufe" zu erhalten. Acht Tage später kam dieser Aufruf und von einem anderen Herrn gleichzeitig eine Einladung zu einer orientierenden Besprechung, die am 24. Februar stattfand. Dabei waren anwesend zwei Nichtidisten vom Initiativausschuss, sowie die zwei einzigen Esperantisten, die bis dahin heranzuziehen versucht worden waren. Nach einigen Mitteilungen, die nichts Neues brachten, übergab mir einer der Herren eine bereits mit Adresse und Unterschrift versehene Einladung zu einer „Vorbesprechung" mit Herrn Prof. Ostwald, wozu noch eine grössere Anzahl anderer Herren ein-

*) Die Idee selbst stammt übrigens nicht von Prof. Ostwald her, sondern von dem Russen Belelubski-St. Petersburg.
Anm. d. Red.

**) Vergl. G. E. 1911. S. 104.

geladen seien. Also genau drei Tage vor der beabsichtigten Gründung des Weltspracheverbandes wurden zwei Esperantisten in aller Eile noch mit den notwendigsten Mitteilungen bedacht, wohl damit die strikte „Neutralität" gewahrt werde!

Die Vorbesprechung mit Herrn Prof. Ostwald fand am 27. Februar, abends 6 Uhr, im Kasino statt. Dazu hatten sich einige zwanzig Eingeladene aus verschiedenen Bevölkerungskreisen eingefunden. Die Vorbesprechung bestand darin, dass der Initiant mit einigen Worten den Zweck des Sprachamtes zu erklären suchte und daneben recht ausgiebig über Ido, als einem „verbesserten und vereinfachtan Esperanto" sprach. Auch einige andere Herren sprachen in gleichem Sinne. Nach kaum einer halben Stunde wurde dann zur Konstituierung des definitiven Vorstandes des zu gründenden Weltsprachverbandes geschritten, trotzdem in der Einladung hiervon kein Wort gesagt war. Und wer wurde nun in diesen Vorstand gewählt, dem überdies auch noch das Recht der Selbstergänzung eingeräumt wurde? Vor allem brauchte man jemand mit einem hochklingenden Titel, einem bekannten Namen, und wählte, nachdem ein bedeutender Politiker und Parlamentarier die Ehre abgelehnt hatte, Herrn Alt Bundesrat Oberst Emil Frey, Direktor des internationalen Telegraphenamtes, zum Präsidenten. Ich muss aber gleich bemerken, dass Herr Frey bereits vor einigen Tagen diese Würde wiederum niedergelegt hat. Als weitere Mitglieder wurden gewählt die Herren Ostwald (Idist), Waltisbühl (Idist) und als Sekretär Herr Schneeberger (Führer der schweizerischen Idisten). Der Unterzeichnete musste die Annahme einer Wahl zum zweiten Sekretär, nach dem Vorausgegangenen, als Esperantist natürlich ablehnen. Nachträglich wurde dann noch durch Kooptation Herr Nationalrat Gobat zugezogen. Das ist die Zusammensetzung des definitiven Vorstandes des zukünftigen Verbandes für das zu gründende „neutrale Sprachamt".

Zur besseren Dokumentierung der Neutralität hatte der Sekretär des Vorstandes an jenem Tage in einem halben Dutzend Buchhandlungen eine grosse Zahl Ido-Broschüren und -Lehrbücher ausstellen lassen!

Später, am Abend desselben Tages (27. Februar), fand ein öffentlicher Vortrag des Herrn Ostwald statt. Trotz des gewaltigen Tam-Tam, der durch Presse, Plakate und persönliche Einladungen geschlagen worden war, fanden sich kaum 150 Personen dazu ein, darunter etwa ein Drittel russische Studenten. In längeren Ausführungen kam der Vortragende auch auf die Bedeutung einer internationalen Hilfssprache im allgemeinen und auf die besonderen Vorzüge seines geliebten Ido zu sprechen. Dass er seine Thesen von der Eindeutigkeit und Einmaligkeit — die übrigens im Esperanto weit vollkommener durchgeführt sind als in irgendeiner anderen Sprache, Ido nicht ausgenommen — nachdrücklich herausstrich, darf ich nebenbei erwähnen. Kurz und gut, das Ganze war durchaus nichts anderes als ein Propagandavortrag für Ido, und Esperanto wurde als „quantité négligeable" so nebenbei erwähnt als etwas, das als abgetan zu betrachten ist und bereits etwas Besserem Platz gemacht hat.*) Doch konnte bei der unbestrittenen „Neutralität" des Vorhabens unmöglich etwas anderes erwartet werden.

*) Der Vortrag liegt uns gedruckt vor, und wir können die Angaben des Verfassers nur in allen Punkten bestätigen. Es sind immer dieselben unbewiesenen Behauptungen, mit denen von jener Seite Esperanto bekämpft wird. Red.

Nach dem Vortrag fanden sich, auf besondere Einladung des Herrn Ostwald, etwa 30 Personen in einem benachbarten Kaffeehause nochmals zusammen. Es wurden mehrere kürzere Ansprachen gehalten, die alle unter dem Eindruck des vorausgegangenen Propagandavortrages Ido als die vom künftigen „neutralen Sprachamt" zu erwählende Sprache bezeichneten. Endlich schien es aber doch einem der Herren aufgefallen zu sein, dass sich die drei anwesenden Esperantisten (Feierabend, Uhlmann, Schmid) so zurückhaltend zeigten und sich mit keinem Wort in die Lobeshymne der übrigen mischten. Er sprach den Wunsch aus, es möchte auch der „gegenteilige Standpunkt" vertreten werden und nannte gleichzeitig den Namen des Unterzeichneten.

Mit kurzen Worten charakterisierte ich nach dieser Aufforderung das neutrale Vorgehen der Initianten, bewies an einigen Beispielen die Ueberlegenheit des Esperanto über Ido und sagte schliesslich, solange keine besseren Beweise für die Neutralität des Unternehmens vorhanden seien, als die Herren Initianten bisher und namentlich heute an den Tag gelegt haben, sei eine Beteiligung der Esperantisten unbedingt ausgeschlossen.

Es bleibt nun abzuwarten, wie der neue Initiativausschuss weiter vorzugehen gedenkt. Es ist nach unserer Meinung nicht ausgeschlossen, dass bei korrekter und einiger Haltung der Esperantistenschaft schliesslich doch noch ein neutraler Verband zustande kommt, dass es dieser Verband fertigbringt, einen neutralen Arbeitsausschuss aufzustellen und diesen — im günstigsten Falle — zu einer Arbeitssitzung einberuft. Aber was dann? Ist es überhaupt denkbar, dass sich ein Komitee von Gelehrten und Fachleuten auf eine Sprache wird einigen können? Die beste Antwort auf diese Frage gibt uns die „berühmte" Delegation seligen Angedenkens.

Wenn ich als Schlussfolgerung aus diesen Ausführungen den Esperantisten einen kurzen Rat geben darf, so muss ich aus voller Ueberzeugung ausrufen: „Hand weg!" Wir wollen und können nicht unsere Unterstützung einem Unternehmen gewähren, das vom ersten Augenblick seines Bestehens an die Neutralität in der Weise handhabt, wie es das ausgesprochen idistische Initiativkomitee des „Verbandes zur Gründung eines Weltsprachamtes" getan hat. Wir wollen vielmehr eine abwartende Stellung einnehmen und unterdessen — denn bis zur Verwirklichung des kühnen Gedankens wird noch viel Wasser den Rhein hinunterfliessen — ruhig und unverdrossen unser schönes Esperanto ausbreiten. Ich wiederhole zum Schluss einen weisen Rat unseres verehrten Meisters: „Ni iru trankvile nian vojon!"

Bern, im Mai 1911.

*J. Schmid, L. K.*

## Nachtrag zu „Die Delegation".

(S. Seite 70—74.)

Zu meinen Ausführungen hat mir Herr Pfarrer Schneeberger eine Zuschrift gesandt, worin er mit der Stelle, in der ich ihn einen rechtlicheren Idistenführer nannte und etwas aus einem von ihm verfassten

Artikel anführte (S. 74 links unten) nicht einverstanden ist. Dr. Couturat habe ihn belehrt, dass er mit seiner Angabe im Irrtum sei. Ostwald habe an Boirac am 4. Januar einen Brief geschrieben, der wohl freie Hand für das Komitee der Delegation vorbehielt, jedoch die Unterhandlungen fortgesetzt wissen wollte. Darauf erkläre ich, dass eigentlich schon der Ostwaldbrief vom 14. Dezember als ein Bruch angesehen werden kann; derselbe schliesst mit den Worten[1]: „So behält sich der Ständige Ausschuss im besonderen vor, sich von nun ab an die Oeffentlichkeit zu wenden in jeder ihm geeignet scheinenden Weise." Wenn dann im Brief vom 4. Januar dies bestätigt und zum Schluss geschrieben wurde[2]) „ich wiederhole, dass wir auch künftig immer gern bereit sind, Mitteilungen des Lingva Komitato anzunehmen, und denselben die sorgfältigste und aufmerksamste Beachtung zu schenken", so ist fürs erste mit dieser Höflichkeitsformel nicht das gemeint, was Schneeberger daraus macht („die Unterhandlungen fortgesetzt wissen wollte"); ferner beachte man nur das Gebaren der Idaner von Anfang an bis auf den heutigen Tag, wie setzen sie alles am Esperanto herunter, was ihnen nicht passt; jeder, der solche Verspottungen und zuweilen sogar Verdrehungen gelesen hat, der muss den Eindruck bekommen, dass bei Verhandlungen mit solchen Leuten nur eine Einigung möglich ist, wenn man ihnen in allen Punkten nachgibt.[3]) Und das wird niemand wollen, der von der Güte seiner Sache überzeugt ist. Sonst im gewöhnlichen Leben sagt man sich gleich zu Anfang: Mit einer Sache, die durch solche Schliche in die Welt gesetzt wird, will ich nichts gemein haben. Die Machenschaften der Delegationsleiter kamen immer mehr ans Tageslicht, und darin liegt sicher die Hauptursache des Bruches. Bei einer so wichtigen Sache wäre ein Jahr Beratungszeit nicht zuviel gewesen; aber die Idoväter hatten wohl guten Grund, die Esperantisten womöglich zu überrumpeln und zur Nachgiebigkeit zu bekommen, ehe die Verräterei von de Beaufront und das Spiel der Delegationsleiter bekannt wurden.

Herr Schneeberger schreibt an mich zum Schluss: „Wir arbeiten ja doch beiderseits an einer gegenseitigen Verständigung." Ich erkläre hier, dass ich nicht an einer Verständigung arbeiten kann, solange der Couturat'sche Ton die Idozeitungen durchzieht; ich wünsche auch unter den obwaltenden Umständen keine Verständigung; wo wären wir doch, wenn wir uns vor drei Jahren hätten an den Couturat-Jespersen-Wagen spannen lassen?[4]) Die Herren werden ihr Ido schon zu Tode vervollkommnen. Es wird manchem von ihnen schon hie und da unbehaglich.

Ich frage aber auch Herrn Schneeberger auf sein Gewissen, ob er ehrlich an einer Verständigung arbeitet! Da druckt er im Idano S. 73 nach Dr. Couturat einen Artikel ab, in dem dieser dagegen wettert, dass bei einer Esperanto-Ausstellung in Warschau, unter den esperantistischen Werken, Arbeiten von ihm ausgestellt waren, während man in Brüssel die Ausstellung eben dieser Werke zu verhindern gesucht habe, und er fährt fort: „Es kommt aber noch besser! Unter den Bildern der Esperantistenführer sieht man diejenigen von Professor Ostwald, Marquis de Beaufront, Kommandant Lemaire, Pastor Schneeberger, A. Kofmann u. a. Man steht wirklich ganz beschämt vor einer solchen Frechheit und Gewissenlosigkeit". Nun, Dr. Couturat hat in diesem Fall wohl nicht gegen besseres Wissen geschrieben, er kennt vielleicht gar nicht das bei uns bekannte *Albumo de konataj Esperantistoj*, das vor etwa sechs Jahren von Schuck herausgegeben wurde, und um welches es sich hier ohne allen Zweifel handelt. Es wird aber kein rechtlich denkender Mensch erwarten, dass man deswegen, dass etwa sechs der dort abgebildeten Herren nicht mehr bei Esperanto mittun, jenes Büchlein aus der Ausstellung weglässt oder die sechs Bilder schwarz zustreicht. Aber: schimpft Dr. Couturat nicht ebenso, wenn man Ido links liegen lässt, als ob es nicht existierte? Haben nicht Idoführer erklärt und manche tun es noch, sie seien Esperantisten, nur fortschrittliche? Haben Esperantisten, denen die Idee der Weltsprache in erster Linie steht, die aber eben in Esperanto die beste Verwirklichung sehen, nicht das Recht, alles zu erwähnen, was dieser Idee dient, und haben nicht alle die Genannten dem Esperanto als solchem wirklich schon gedient? Hat nicht de Beaufront die vorzüglichsten Artikel gegen irgendwelche Reformen geschrieben? Führen die Idisten nicht auch mit Vorliebe die Reformvorschläge von Dr. Zamenhof im Jahr 1894 an? wobei sie freilich vergessen beizufügen, dass er sie machte, weil er von manchen Seiten dazu gedrängt wurde und dass sie heute von ihm nicht mehr gebilligt werden. Empfehlen die Idisten nicht immer noch die Broschüre von Dr. Borgius „Warum ich Esperanto verliess", obgleich der Verfasser sich über Ido hinaus entwickelt hat? Und vor allem: wurde nicht unzähligemale und wird nicht noch immer von Idoseite mit dem Esperantonamen gekrebst? Möge doch Dr. Couturat zuerst in Idujo vor den Türen kehren![5]) Ostwalds Bild ist ja nicht in dem „Albumo"; wie es in die Ausstellung kam, ob als Titelbild von einer Schrift von ihm, die auf Weltsprache Bezug hat, weiss ich ja nicht; falls es für sich allein ausgelegt war, so würde ich persönlich das nicht billigen — schon weil ich Ideen höher werte als ihre jeweiligen Träger —, aber doch hat auch Ostwald nicht nur für die Weltsprache, sondern direkt für Esperanto Nennenswertes geleistet, so dass gerade ein freierer

[1]) Couturat und Leau „Al ĉiuj esperantistoj" S. 3.

[2]) ebenda S. 5.

[3]) Solche anmassende Reden sind gedrängt wiedergegeben auf S. 4 des Schriftchens „Esperanto und Ido" von Universitätsprofessor Fuchs in Wien. Verlag des Verbandes der deutschösterr. Esperanto-Vereine. Ich wünsche diesem Schriftchen weiteste Verbreitung. Preis 10 Pf. Vergl. auch „Germana Esperantisto" 1911 S. 112.

[4]) Damals war ich geneigt, Ido als einen Dialekt von Esperanto anzusehen; das wird immer weniger möglich, nicht nur dass neuerdings die Vorsilbe *mal-* aus vielen Wörtern ausgeschaltet ist — wodurch der Wortschatz unnötig vermehrt wird — sie hat auch die Bedeutung des deutschen un erhalten, bei Zeitwörtern ist sie durch *des-* ersetzt; *madro* steht auch schon vor der Tür, um *patrino* abzulösen — ja es gibt noch unbegrenzte Möglichkeiten, und dabei hat man noch die Unverfrorenheit zu behaupten, Ido sei die leichteste Sprache für die Mehrzahl der Menschen!

[5]) Was sagen z. B. die Herren Idistenführer dazu, dass in der Charlottenburger Volksbibliothek in den dort abonnierten Germana Esperantisto ständig Ido-Flugblätter und -Prospekte eingeschmuggelt werden? Ist das etwa weniger als Frechheit und Gewissenlosigkeit? Im umgekehrten Falle würde Herr Couturat noch viel schärfere Ausdrücke gebrauchen. — Und gehört etwa das oben erwähnte Zamenhof'sche Werk „Pri Reformoj", geschrieben in Esperanto, in die Ido-Auslagen in der Internationalen Reise-Ausstellung in Berlin? Dort soll es wahrscheinlich die ausgestellte, unbedeutende Ido-Bücherei vermehren helfen! (Vergl. G. E. 1911, S. 94.) Anm. d. Red.

Geist dies anerkennt, wie es auch Dr. Zamenhof mit Schleyers Verdiensten tut.

Mir scheint, der „Korrespondent aus Warschau“ hat mit seiner Berichterstattung nicht ehrlich gehandelt. Dr. Couturat ist aus Unkenntnis, aber mit Wonne, hereingefallen, das Kritisieren ist ja sein Lebenselement — solche Leute werden erst ganz gestorben sein, nachdem sie ihren Sargdeckel von innen noch bekrittelt haben — Herr Pfarrer Schneeberger aber, der das *Albumo* wohl kennt, wird sich nach Veröffentlichung jenes Artikels[6]) nicht wundern dürfen, wenn man ihm nicht glaubt, dass er an einer Verständigung mit den Esperantisten arbeitet, und dass man vorzieht, den Verkehr mit ihm möglichst zu beschränken, weil er zu nichts Gutem führt. *Prof. P. Christaller.*

---

# El la urbo de la „Sepa“.

Antwerpen, la 15an de Majo 1911.

S-roj Leŭtenant-Generalo Van Sprang, komandanto de la militista distrikto; Grafo de Baillet-Latour, provincestro; De Vos, urbestro; General-Majoro Willaert, komandanto de la burĝa gvardio, kaj D-ro Desguin, skabeno de la Publika Instruado, akceptis honoran prezidantecon de la kongreso.

La urbestraro donis novan pruvon de sia intereso pri la Sepa, permesante al la gekongresanoj la senpagan eniron, dum la tuta daŭro de la kongreso, en la muzeojn kaj en la salonojn de la urbestrarejo, kaj pruntedonante aron da belaj kliŝoj al la Sepo por ĝia kongreslibro.

* * *

Kvar novaj gefavorantoj de la literaturaj konkursoj respondis la alvokon de la Sepo.

16. **La Movado**, monata Esperanto-Gazeto, 31, Boulevard St. Marcel, Paris. — Humora rakonto, en kiu Esperanto ludas rolon. Maksimume unu presita paĝo de „La Movado“. Du premioj: artaj objektoj.

17. **F-ino J. E. Hamand,** Schaller (Iowa, Usono). — Utilo kaj praktikaj profitoj de Esperanto por aviadistoj. Premio: 40 Sm.

18. **Stela-Concert,** 3a Ĵaŭdo de ĉiu monato, Salono de l' Globo, Paris. — Kanzono tuj komprenebla, laŭ populara ario. Premio: arta objekto.

19. **Germana Esperantisto,** Lindenstrasse 18/19, Berlin S.W. 68. — Priskribo de popolaj moroj, aŭ, laŭ elekto: Popolaj legendoj. Proksimume 1000 vortoj en unu aŭ pluraj artikoloj. Du premioj konsistantaj el libroj por valoro de po 10 Sm.

20. **Societo Esperantista Kaŭkaza.** — Originala aŭ traduka 5—8 paĝa verketo pri iu ajn temo, kun ekskluziva uzo de radikoj entenataj en „Universala Vortaro“ de la „Fundamento“. 1a premio: 12 Sm.; 2a premio: 8 Sm.

La lasta dato por la sendo de la manuskriptoj estas la 15a de Julio (ne la 1a, kiel antaŭe estis anoncata).

* * *

Jen la provizora programo de la postkongresa vojaĝo, kiu daŭros ses tagojn kaj kostos proksimume 40 Sm.:

*Lundon, 28an de Aŭgusto.* — Vizito al Charleroi, noktloĝado en Namur.

*Mardon, 29an.* — Ekskurso al la grotoj de Han kaj al Dinant; noktloĝado en Liège.

*Merkredon, 30an.* — Vizito al Spa, promenado en Liège. Komuna vespermanĝo kaj koncerteto en Liège.

*Ĵaŭdon, 31an.* — Vizito al Ostende kaj Brügge.

*Vendredon, 1an de Septembro.* — Vizito al Gent.

*Sabaton, la 2an.* — Vizito al Brüssel; de tie fervoje al Temsche kaj vaporŝipe al Antwerpen.

La festprogramo de la Sepo estos publikigata en la julia numero de G. E.

La kongreslibro estas preskaŭ preta; ĝi estos luksa volumo, ornamita per belegaj ilustraĵoj. La kongresanoj ĝin ricevos senpage en la akceptejo; tamen tiuj, kiuj deziras ricevi la libron hejme tuj post ĝia apero, estas petataj sendi al la Sekretario-Kasisto de la Sepo 0,200 Sm. aŭ du respondkuponojn. La prezo de la Kongreslibro por ne-kongresanoj estas 1,500 Sm.

Dum la Sepa aperos Kongresa Gazeto, kiun la kongresanoj ankaŭ ricevos senpage. Prezo por ne-kongresanoj: 0,400 Sm. por la kolekto de ses numeroj.

Kun granda fervoro kaj sukceso la geaktoroj kaj la policanoj daŭrigas la studadon de nia kara lingvo.

* * *

## Utile cum dulci!

La 2an de l' nuna monato, la Sepo kunvokis la reprezentantojn de ĉiuj Antwerpen'aj kaj de kelkaj Brüssel'aj ĵurnaloj, por doni al ili sciigojn pri la kongreso, kaj por peti la helpon de la gazetistoj en sia entrepreno. Kaj, por fari tiun kunvenon kiel eble plej interesa kaj agrabla, la Sepo estis doninta al ĝi la formon de . . . . . festmanĝo. Ĉiuj kunmanĝantoj pasigis ĝojplenan vesperon, kaj la impreso de la gazetistoj — kiuj estis dekunuope — estis tiel favora, ke, la morgaŭan tagon, ili malkaŝe proklamis, ĉiu en sia organo, la havitan plezuron, sian intereson por la kongreso kaj sian konfidon en ĝia sukceso. En *De nieuwe Gazet* eĉ aperis detala ĉefartikolo, kiu jene komenciĝas (mi tradukas):

„Tutmonda Kongreso Esperanto.“

Antaŭgusteto de la sepa internacia kongreso de Esperanto, kiu okazos en Aŭgusto venonta en Antwerpen.

„La Sepo por la Sepa.“ Tio estas Esperanto kaj tio signifas: De zeven voor het zevende. Tian nomon alprenis . . . . k. c. Tiuj sep estas . . . . k. c.

---

[6]) In jeder Idanonummer sind übrigens Artikel enthalten, die Esperanto heruntersetzen wollen, so in derselben Nr. 5 eine Aufführung von Dutzenden von Wörtern im Akkusativ der Mehrzahl, die etwa ein Warenhaus anzeigt: *Fruktojn, freŝajn kaj konservitajn, legomojn, florojn, nutrajojn* usw. Solche reizenden Zusammenstellungen kolportieren dann die Idisten, wenn sie aber nicht zu verblendet sind, dann erkennen sie bei einigem Nachdenken sofort, dass man in solchen Fällen den Satz ganz ungezwungen auch mit dem Nominativ setzen kann, dass wir im Deutschen es ganz ähnlich haben: er redet von frischen und eingemachten Früchten, Gemüsen, Blumen, Nahrungsmitteln usw. Ob die vielen *i* des Ido schöner sind als die *oj* des Esperanto, ist natürlich Geschmacksache, klarer sind unbestritten die *oj*. Dr. Couturat betont ja gern, wo es ihm passt, dass die Forderung des Wohlklangs anderen Anforderungen untergeordnet werden müsse. Könnte man nicht in Ido Dutzende von Infinitiven mit betontem *ar* anführen, z. B. in dem bekannten Kapitel des Prediger Salomo? Das ist noch schlimmer als die unbetonten *aj, oj: Anke en Ido on mustas lernar legar, skribar e parolar; mustar parolar sen savarulo, ne esas agrabla.*

Poŝtkarto kun la portreto de tiu ĉi fraŭlino kaj de ĉiuj tiuj ĉi sinjoroj kostas nur kvin centimojn. Kaj sur ĝi ĉiuj havas vizaĝon tiel seriozan kaj kleran .... ke oni ektimus pro ili.

Hieraŭ ni konstatis, ke reale ili aspektas tute alie, ke ili estas klubeto de taŭgaj, afablaj, gajaj (fideel) homoj, preparantaj por Antwerpen kongreson, kiu estos certe la ĉefaĵo (clou) el ĉiuj festoj de la venonta somero."

Parolante pri la komunikoj, kiujn S-ro Van der Biest-Andelhof faris dum la festmanĝo, la sama artikolo diras, ke ili estas faritaj „kun klareco tiel granda, kiel lia modesto".

Dum la festmanĝo S-ro Van der Biest trinkis je la sano de la ĵurnalistoj; al tiu tosto respondis S-ro van Menten, prezidanto de la asocio de la gazetistoj.

„La festeno daŭris ĝis tre malfrua horo", skribis ĉiuj ĵurnaloj. Tio estas tute malvera, ĉar je la sepa matene mi jam enlitiĝis ..... La Sepo ĝis la sepa!

*Jan.*

P. S. 24an de Majo. — Jam 827 gekongresanoj aliĝis. Inter ili estas 301 britoj, 164 francoj, 154 belgoj kaj — nur! — 90 germanoj. *J.*

# Germana Kroniko.

***Ni tre petas ĉiujn grupojn, kiel izolitajn samideanojn, ke ili sendu al ni kiel eble plej akurate mallongajn raportojn pri ilia agado kaj pri la progresoj de Esperanto en ilia urbo aŭ regiono. La raportoj devas alveni ne pli malfrue ol la 20an de ĉiu monato.***

La delegitoj de la **Orientgermana Esperantista Ligo** (Ogelo) kunvenis la 30an de Aprilo en Danzig. Ĉeestis reprezentantoj de la grupoj Danzig, Breslau, Bromberg, Insterburg, Königsberg, Marienburg, Schweidnitz, Tilsit. S-ro Dro Kandt prezidis la kunvenon. Kiel reprezentanto de la gazetaro ĉeestis S-ro redaktoro H. Sellke de „Danziger Neuesten Nachrichten". Oni raportis pri la agado en la pasinta jaro kaj pri propagandaj aferoj kaj decidis translokigi la administracion de la Ogelo por la venontaj du jaroj al Danzig. La delegitoj, kiuj vizitos la kongreson de Lübeck, tie faros proponon elekti Danzig aŭ Zoppot kiel kongresurbon por 1912.

**Germana Federacio de Junaj Esperantistoj.** Nun ĉiuj sciigoj devas esti sendotaj provizore al S-ro O. Sarstedt, Hannover, Knochenhauerstr. 10, kaj ne al S-ro Heydweiller, Göttingen, kiu bedaŭrinde, verŝajne pro akcidento, estas malaperinta. (Komparu: Diversaj informoj.)

**Barmen.** Post parolado de S-ro Schlaf fondiĝis laborista grupo. 30 personoj partoprenas la aranĝitan kurson. — Oni ankaŭ intencas fondi burĝan grupon.

**Berlin.** S-ro Ellersiek propagande parolis en „Verband Deutscher Handlungsgehilfen, sekcio Berlin-Norden". Montriĝis vigla intereso pri nia afero; speciala kurso komenciĝos. — Komenciĝis du novaj kursoj: ĝenerala, gvidata de S-ro Kwiatkowski kaj virina, kiun gvidas S-ro E. Mitschke. — S-ro Ernst Wichert faris propagandan paroladon en „Schulungsgruppe des Verbandes Gross-Berlin der mittleren Reichspost- und Telegraphen-Beamten", kiu sekvigis interesan kaj tre fervoran diskuton. Oni decidis aranĝi specialan kurson dum la vintro. — Plie S-ro Wichert prezentis paroladon kun lumbildoj pri Antwerpen en „Esperantista Grupo Nord-Berlin". — Kiel gaston la ĉefa grupo vidis S-ron N. Nikolaeff el Bukarest (Rumanujo). — La grupo eldonis sub aŭspicioj de U. E. A. 8-paĝan gvidfolion tra Berlin. — Denove la grupo havis grandan perdon: S-ro Arnold Behrendt, kiu estis unu el la plej agemaj membroj, forlasis Berlin'on por reiri Breslau'on. La grupo aranĝis adiaŭan vesperon, pri kiu estos raportata en la venonta numero. — La vojaĝo-ekspozicio bonege sukcesas (vidu la specialan raporton en tiu ĉi numero).

**Berlin-Rixdorf.** La kurso por instruistoj vidigas grandan intereson kaj bone progresas.

**Braunschweig.** En eksterordinara ĝeneralkunveno okazis ŝanĝo en la estraro de la tiea grupo. Ĉar F-ino K. Jahns, ĝisnuna sekretariino, deklaris, ke ŝi pro malsano ne plu povas administri tiun oficon, estis elektata kiel sekretario la ĝisnuna kasisto S-ro A. Wanglin kaj kiel kasisto S-ro Fraedrich. Plie oni decidis en posta kunveno, anstataŭi la ĝisnunan nomon „Esperantista Grupo Brunsviga" per „Esperanto-Grupo Brunsvigo". Kiel novan kunvenejon oni elektis la restoracion „Zum Schultheiss". — Novaj kursoj komenciĝis. La prezidanto S-ro Reinking havas nun la titolon supera distrikta juĝisto. (Komparu: Oficialaj sciigoj.) Ni gratulas nian fervoran samideanon pro lia promocio. Red.

**Breslau.** En la ĉefkunveno, kiu okazis la 27an de Aprilo, oni reelektis la ĝisnunan estraron, nur la kasista ofico transiĝis al S-ro Freund. — La kunvenoj okazas ĉiuĵaŭde en kafejo „Vier Jahreszeiten", Gartenstr. — La grupo eldonis gvidfolion sub aŭspicioj de U. E. A.

**Chemnitz.** En la tiea „Königl. Gewerbe-Akademie" S-ro Dro Wicke instruas Esperanton.

**Danzig.** Distrikta kunveno de U. E. A. okazis la 30an de Aprilo. Oni reelektis unuvoĉe S-ron Dron Kandt kiel distriktan delegiton, S-ino A. Tuschinski estas nove elektita delegitino. — La grupo eldonos gvidfoliojn por fari propagandon por Danzig kiel urbo de la 7a Germana Kongreso en 1911.

**Dellbrück.** La 13an de Majo S-ro Hübner faris en la grupo de „Deutscher Handlungsgehilfen-Verband" tre aplaŭditan kaj efikan propagandan paroladon. Esperanta ekspozicio estis aranĝita. Nova kurso baldaŭ komenciĝos.

**Delmenhorst.** Kursanoj, kiujn S-ro Fricke el Bremen sukcesplene instruis dum la pasinta vintro, fondis grupon. Kiel prezidanton oni elektis S-ron Dir. Gesell, kasisto fariĝis S-ro Korte kaj sekretarino F-ino Ahrens.

**Dresden.** Dimanĉon, la 30an de Aprilo, societo „Zamenhof" festis la duan datrevenon de sia fondiĝtago en „Hotel Bellevue", Blasewitz. — En la „Higieno Ekspozicio" Esperanto estas inde reprezentata. Oni aranĝis Esperanto-Informejon aliĝintan al la oficejo de

bankejo Gebr. Arnhold. (Vidu la specialan artikolon pri la ekspozicio en tiu ĉi numero.) En ĉiuj tieaj fervojaj stacidomoj estas fiksitaj afiŝoj, kiuj donas ĉiujn informojn pri Esperanto-oficejoj, grupoj ktp. de Dresden. — S-ro Felix Zamenhof, frato de nia Majstro, loĝas nuntempe kiel bangasto en „Weisser Hirsch" kaj vizitis kelkfoje la societon „Esperanto". La „Internacia kongreso por artinstruado", kiu okazos en Dresden en la venonta jaro, eldonis siajn invitbroŝurojn ankaŭ kun Esperanto-teksto.

**Elberfeld.** Post paroladoj de S-ro Tarnow en Elberfeld kaj Barmen komenciĝis 3 novaj kursoj, gvidataj de S-ro Hillebrecht. Unu el ili estas speciale nur por fervojistoj kaj okazas en instrua ĉambro de la fervoja direkcio, oficiale disponigita de la direkcia prezidanto. — Post parolado de S-ro Schlaf fondiĝis laborista grupo kaj komenciĝis kurso. — La 14an de Majo la grupo kun samideanoj el Hagen kaj Düsseldorf aranĝis ekskurson al la valbarilo de Heilenbeck. Pli ol 80 personoj partoprenis.

**Essen.** Post parolado de S-ro Pillath nova kurso por gesinjoroj estas aranĝita.

**Frankfurt a. M.** S-ro Raphael Nacklé el Kairo faris ankaŭ tie tre aplaŭditan paroladon antaŭ multnombra aŭdantaron en „Kaufmännisches Vereinshaus". — En „Internationaler Orden für Ethik und Kultur" S-ro Spengler, vicprezidanto de la esperantista grupo Höchst a. M. parolis tre efike pri Esperanto. La ordeno tre interesiĝas pri nia lingvo kaj jam pripensis enkonduki ĝin por siaj internaciaj publikigaĵoj.

**Gera-R.** La 10an de Majo S-ro E. Wichert el Charlottenburg faris paroladon kun lumbildoj pri Antwerpen.

**Görlitz.** La 7an de Majo la societo „Zamenhof" aranĝis ekskurson al Deutsch-Ossig; partoprenis 190 personoj, ankaŭ samideanoj el Lauban kaj Zittau.

**Gotha.** Ankaŭ tie S-ro E. Wichert faris paroladon pri Antwerpen, la 8an de Majo.

**Hannover.** „Hannovera Esperantista Junularo" aranĝis la 7an de Majo feston en „Schwarzer Bär". Kantoj, deklamoj kaj teatraĵoj beligis la feston. Ĉeestis 90 personoj.

**Hildesheim.** La partoprenintojn de la Augsburg'a kongreso precipe certe interesos sciiĝi, ke nia fervora samideanino fraŭlino Anna Berg financiniĝis kun elektro-inĝeniero S-ro Mattern, nova ano de nia lingvo. (Ni kore gratulas! La Redakcio.)

**Kaufbeuren.** La 14an de Majo okazis la jara ekskurso de la Esperantista-Grupo Augsburg al tiu urbo, kien oni estis invitinta ankaŭ ĉiujn ŝvabajn grupojn. Ĉeestis entute 120 esperantistoj el Augsburg (2 grugoj), Kempten, Memmingen, Oberstdorf. Bonegan oratoron oni salutis en S-ro Dro Ledermann-Augsburg, kiu parolis en la „urba domo" pri „Dro Zamenhof kaj lia verko". En la sama ĉambrego estis aranĝita ekspozicio de esperanta literaturo, gazetoj, prospektoj, U E. A.-gvidfolioj ktp. La direktoro de progimnazio, S-ro Dro Martin, tre interesiĝis pri nia movado kaj promesis subteni laŭforte niajn celadojn. En la posttagmeza kunsido de la grupestroj kaj U. E. A.-Delegitoj, kiun prezidis S-ro Beideck, oni priparolis detale la ĝeneralan propagandon en Ŝvabujo. Ankaŭ oni decidis, nun ĉiujare aranĝi tian provincan kunvenon, kiu estas grava por la progreso de nia afero. La grupo Kaufbeuren eldonis gvidfolion tra sia urbo.

**Königsberg i. Pr.** La esperantista grupo de la tiea „libera studentaro" aranĝis paroladvesperon, la 9an de Majo, en „Hotel Germania". S-ro advokato Aron pritraktis la temon „Das Weltsprachenproblem".

**Kottbus.** „Esperantista Societo" solenis la 6an de Majo en restoracio „Goldener Ring" la datrevenon de la fondiĝtago per paroladoj, kantoj kaj deklamoj. — La 17an S-ro Wichert faris paroladon kun lumbildoj pri Antwerpen.

**Krefeld.** Esperantista Societo tre fervore laboras por la esperanta parto en „Gewerbe-, Industrie- und Kunstausstellung", kiu okazas en Krefeld la 24an de Majo ĝis 17a de Julio. — En hotelo „Stadt München" okazis la unua jarkunveno de la tieaj anoj de U. E. A.

**Leipzig.** En Aprilo okazis tie la unua Esperanto-ekzameno de geknaboj de la 12a burĝa lernejo. La instruistoj S-ro Wilhelmi kaj S-ro Degen ekzamenis pri temoj de gramatiko kaj vortfarado. Tre bone la gelernantoj tradukis esperanten kaj germanen. La priparolado de bildoj montris, ke la gejunuloj jam post duona jaro bone posedas nian lingvon. — En „Schloss Ritterstein" la 26an de Aprilo la Esperanto-Instituto Hajno kaj siaj 4 aliĝintaj grupoj de Leipzig aranĝis grandan propagandan vesperon sukcesplenan, kun eskpozicio de esperantaĵoj. S-ro instruisto Bennemann parolis pri esenco, valoro kaj disvastiĝo de Esperanto, kaj la multnombra ĉeestantaro estis ankaŭ tre interesita per aranĝo de ekzameno de geknaboj en Esperanto kaj pri alparolado de S-ro Febrer, samideano el Barcelona.

**Ludwigshafen a. Rh.** Post sukcesplena propagando komenciĝis nova kurso kun 20 partoprenantoj; instruanto estas S-ro profesoro Bernhart. Al la grupo aliĝis 15 novaj membroj. La kurso por progresintoj regule estas vizitata de ĉiuj 12 partoprenantoj.

**Mölln ap. Lübeck.** S-ro Dro Möbusz el Lübeck faris propagandan paroladon en „Harmonie" pri la temo: „Ist Esperanto die Lösung des Weltsprachensystems?" Nova kurso de multaj aŭskultintoj baldaŭ komenciĝos; tiea instruisto gvidos la kurson.

**Neumarkt i. Opf.** Post parolado de S-ro Dro Orthal, kun entuziasmo akceptita de multnombra ĉeestantaro, fondiĝis grupo kun 18 membroj. Prezidanto kaj instruanto estas S-ro Reĝa realinstruisto J. Maier, sekretario: S-ro Reĝa fervojsekretario Michell. La grupo aliĝis al G. E. A.

**Nowawes.** La grupo havas nun 20 membrojn, inter ili estas 6 geinstruistoj.

**Nürnberg.** Gravega sukceso por la grupo estas la fakto, ke post 2 paroladoj de S-ro Dro Orthal 78 policanoj lernos Esperanton. La instruado okazos en 2 kursoj gvidotaj de S-ro Königsberger. La magistrato disponigis por tio publikan lernejĉambron. Jen la unua oficiala aprobo de niaj celadoj en tiu urbo. — La nuna kunvenejo de la grupo estas la belega instrua ĉambro II de la nove konstruita „Luitpoldhaus" apud „Gewerbemuseum".

**Opladen.** S-ro Tarnow efike parolis en ŝtata fervoja societo „Germania". Sro Reĝa konsilisto Schwarzer favore subtenis la paroladon kaj rekomendis kurson. 20 oficistoj kaj laboristoj parto-

prenas la kurson, kiu havas lokon en la instrua ĉambro de la ŝtata lokomotivriparejo.

**Potsdam.** „Potsdam'a Esperanto-Centro" aranĝis la 2an de Majo propagandan paroladon en „Hotel zur Stadt Königsberg". — S-ro Prof. A. Schmidt aranĝis konferencojn pri Esperanto, kiujn partoprenis multaj gesinjoroj el la honora komitato de la Esperanto-Centro kaj ankaŭ multaj instruistoj, instigitaj per parolado de S-ro A. Behrendt en „pedagogia unuiĝo". — En la bontemplana loĝio „Eisenhart" S-ro E. Wichert faris paroladon pri „dek tezoj pri graveco, signifo kaj esenco de Esperanto". En aŭtuno oni aranĝos kurson por bontemplanoj. Ankaŭ en „Verein für Handel und Gewerbe" S-ro E. Wichert parolis pri Antwerpen.

**Reichenau i. Sa.** La Esperanta klubo „Verda Stelo", fondita Septembron 1910, tre fervore laboras por nia afero. La grupo aliĝis kun 20 membroj al G. E. A. Per gazetartikolo oni interesis la publikon kaj sekve de tio nova kurso komenciĝis. Post sukcesplena parolado de S-ro Kraus en Hermsdorf (Bohemujo) ankaŭ tie la grupo aranĝis kurson kun 20 partoprenantoj. Ambaŭ kursoj estas gvidataj de S-ro Kraus.

**Reichenbach i. V.** S-ro Dro Otto Linse post efika publika parolado aranĝis du kursojn; la unua havas 23 partoprenantojn el la plej altaj societaj rondoj, en la alia estas instruistoj, komercistoj kaj poŝtoficistoj. S-ro Dro Linse gvidas la kursojn. Fondiĝo de grupo baldaŭ okazos. — La tiea gazetaro raportas regule pri Esperanto.

**Stuttgart.** En la monata kunveno de Aprilo S-ro Prof-ro Christaller parolis pri „Deutschschrift u. Lateinschrift", en la monata kunveno de Majo pri „Esperanto und die Schule". La lasta allogis kelkajn gastojn, inter ili estas estontaj kursanoj. Grupanoj kunvenas dufoje ĉiusemajne; nun estas kvar kursoj en la urbo, unu plia estas en preparo. Dufoje oni havis viziton de Fraŭlino Bruck, samideanino el Mülhausen i. Els.

**St. Ingbert.** Fondiĝis nova grupo kaj aliĝis al G. E. A. La estraro konsistas el S-roj Aug. Omlor (prez.), A. Andre (sekr. kaj kas.), L. Betz (bibl). Nova kurso komenciĝis la 16an de Majo; la 12 partoprenintoj de la finita kurso fariĝis membroj de la grupo.

**Schweidnitz.** La 27an de Majo estis malfermata „Schlesische Gewerbe-Ausstellung", en kiu la tiea grupo aranĝis esperantan ekspozicion.

**Zittau.** La 14an de Majo S-ro E. Wichert faris paroladon kun lumbildoj pri Antwerpen, en „Hotel 3 Kronen". *H. K.*

## Gazetaro.

„La ideo pri internacia helplingvo forlasis la staton de utopio per la sukcesoj de Esperanto. Ĉiam pli vastaj rondoj, interalie la registaroj de diversaj ŝtatoj, okupas sin pri ĝi kiel gravan kultur-demandon. Kiel oni scias, la Duko-Reganto de Braunschweig invitis S-ron Dron Kliemke por parolado pri Esperanto al la Braunschweig'a kortego, ĉe kiu okazo la duko kiel ankaŭ la ministroj kaj aliaj eminentaj partoprenintoj eldiris sian plenan simpation por la afero. Pro tio ni petis S-ron Dron Kliemke doni al niaj legantoj pririgardon pri la karakteraĵoj de la konstruo de la esperanta lingvo . . ." Jen la rimarko, per kiu la redakcio de *„Grenzboten"* (3. 5.) enkondukas la artikolon de nia senlaca samideano, titolitan: „Die internationale Sprache" (la internacia lingvo). En sia longa artikolo la aŭtoro unue pritraktas la necesecon kaj eblecon de helplingvo kaj la utilon, kiun oni havas, lernante Esperanton. Poste li priparolas la gramatikon kaj vortfaradon de nia lingvo, montrante iliajn mirindajn simplecon kaj regulecon per multaj ekzemploj kaj detalaj klarigoj. — Estas grava fakto, ke la *„Grenzboten"* publikigis tiun ĉi artikolon, kiu enkondukas en nian lingvon la legantaron de tiu gazeto, precipe konsistantan el kleraj kaj bonstataj personoj. Ĝi estas tiom pli grava, ke la redakcio unue estis indiferenta, preskaŭ malamika kontraŭ Esperanto, kaj nur iom post iom konvinkiĝis pri tio, kion ĝi esprimas en la supre tradukitaj linioj. (Komparu G. E. 1910, p. 53 kaj 1911, p. 34.)

*„Landes-Zeitung"*, Neustrelitz, (5. 5.) sub la titolo „Die Esperanto-Sprache" publikigas longan resumon de la supre priparolita artikolo, montrante la ĉefajn ideojn en ĝi pritraktitajn.

En *„Tägliche Rundschau für Schlesien und Posen"*, Schweidnitz, (26. 4.) nia tiea samideano S-ro Prof. Huebner pritraktas en ĉefartikolo la temon: „Esperanto im Dienste religiöser Bestrebungen" (Esp. en la servo de religiaj klopodoj). Li montras la bonan akcepton, kiun nia lingvo trovas precipe inter la anoj de la katolika kaj protestanta eklezioj, kaj citas la diversajn entreprenojn, kiuj servas al la propagando de Esperanto por internaciaj religiaj aferoj.

Ke efektive nia lingvo ĉiam pli trovas atenton inter katolikoj, pruvas serio de artikoloj, kiujn S-ro Kooperatoro J. Schmid aperigis en la numeroj 17, 18, 19 kaj 20 de la ilustrita ĵurnalo *„Raphael"*, Donauwörth. Tiu ĉi bona kaj leginda gazeto estas destinita por la matura junularo, do artikoloj en ĝi certe trovas fruktodonan kampon. Tion ni ankaŭ esperas pri la artikoloj de S-ro Schmid, kiu raportas en ili laŭsekve pri la historio, pri la ĉefaj reguloj, pri la disvastiĝo de Esperanto kaj pri la utiloj de mondlingvo. La tuta laboro de la aŭtoro montras bonegan scion de la esperanta movado kaj estas laŭdinde verkita. Li meritas pro tio koran dankon.

*„Die Reise"*, Berlin, oficiala organo de la Centra Unuiĝo por protekto de la vojaĝaj interesoj, (n-ro 4) enhavas interese verkitan artikolon de S-ro Dro Kandt: „Eine neue Verkehrs-Erleichterung" (nova plifaciligo de interrilatoj). La verkinto unue rakontas pri vizito de esperantistoj al Avignon, karavane vojaĝintaj al la internacia kongreso en Barcelona, kaj pri la facileco, kun kiu la samideanoj el diversaj nacioj povis interkompreniĝi en la „nova idiomo". Plie li per kelkaj klarigoj mencias la servojn de U. E. A. kaj montras fine la praktikan uzadon, kiun Esperanto jam trovas en komercaj kaj antaŭ ĉio en vojaĝaj interrilatoj.

Pri la valoro de nia lingvo por la vojaĝo ankaŭ atentigas S-ro Arnold Behrendt en *„Dokumente des Fortschritts"*, Berlin, (kajero 5). Citante la vojaĝan ekspozicion en Berlin kaj ties elmontraĵojn, li parolas pri la malfacilaĵoj, kiuj ekestas ĉe internaciaj vojaĝoj el la uzo de diversaj naciaj lingvoj, kiujn oni aŭ devas posedi aŭ tradukigi per interpretanto. Poste li mencias la servojn de U. E. A. kaj la praktikan uzadon de nia lingvo per vojaĝaj societoj kaj institutoj.

*„Das Schwarze Brett"*, akademiaj sciigoj por

meza Germanujo, en la numero de 2. 5. enhavas propagandan artikolon de S-ro Ernst Kröber, kiu celas atentigi siajn kunstudantojn pri aliĝo al la Esperanto-Sekcio en la libera studentaro de Leipzig.

Propagandaj artikoloj aperis ankaŭ en:

„*Reichenberger Zeitung*" (6. 5.). „Esperanto in Deutschböhmen"; publikigita de la „Ligo de germanaj Esperanto-Unuiĝoj en Bohemujo", kiu celas kunigi la germanajn esperantistojn de Bohemujo.

„*Elsässer Kurier*", Kolmar i. E. (13. 5.). „Katholizismus und Esperanto"; represo de artikolo el „*Augsburger Postzeitung*", pri kiu ni raportis p. 9.

Esperantajn kursojn publikigas:

„*Der Internationale Postkarten-Kurier*", Berlin-Nowawes; monata gazeto por kolektantoj de ilustritaj poŝtkartoj.

„*Der junge Kaufmann*", Hamburg, gazeto por komercaj lernantoj kaj junaj oficistoj. Oficiala organo por la lernantoj en „Verein für Handlungs-Commis von 1858" (komercista unuiĝo).

Multege da ĉiutagaj gazetoj raportis pri la esperanta fako en la vojaĝa ekspozicio en Berlin kaj pri la okazonta kongreso en Lübeck. Sed neeble estas mencii ĉiujn; sufiĉu ĉi tie konstati la fakton. *Ek.*

*

**Medicinaj ĵurnaloj neesperantaj.**

La medicinaj fakaj ĵurnaloj ŝajnas iom post iom pli interesiĝi pri Esperanto. Kiel ni legis en la maja numero de „Voĉo de kuracistoj", kiu publikigis internacian demandon pri partopreno de kuracistoj en dueloj, kaj jam ricevis multajn originalajn aŭ esperante tradukitajn respondojn, aperis la traduko de tiu ĉi demando en jenaj landoj kaj revuoj: Polujo: „*Glos Lekarzy*"; Bohemujo: „*Prager medizinische Wochenschrift*; Germanujo: „*Medizinische Klinik*"; Kroatujo: „*Liječnički Vijestnik*"; Francujo: „*Médicina*" kaj „*La Presse médicale*", „*Gazette médicale de Paris*", „*Le Courrier médical*", „*L'Avenir médical*", „*La Quinzaine thérapeutique*", „*Le Concours médical*", „*Le Repertoire de médicine et de chirurgie*", „*Rennes médical*"; Belgujo: „*Le Scalpel*", „*Le Progres médical*"; Svisujo: „*Therapeutische Monatsberichte*"; Hispanujo: „*Siglo medico*", „*Clinica y Laboratorio*"; Anglujo: „*The Hospital*"; Rumanujo: „*Spitalul*".

# Internationale Esperanto-Bewegung.

Ein neuer Schritt weiter in der Esperantobewegung ist ganz entschieden das Erscheinen des privaten Organs für die esperantistischen Polizisten, das „*Internacia Polica Bulteno*" der internationalen Vereinigung der Polizei-Esperantisten, da es eine viel weitergehende Bedeutung hat. Wird die Zeitung ihr Ziel, den internationalen Verkehr der Polizei durch Esperanto zu vermitteln, erreichen, so bedeutet dies für Esperanto einen gewaltigen Schritt nach vorwärts zum vollen Siege. Deswegen soll das Erscheinen dieser neuen Zeitung auch an dieser Stelle freudig begrüsst werden (s. auch „Ĵurnaloj"). Die erste Nummer unterrichtet uns gleichzeitig über den jetzigen Stand der Bewegung in der Polizei, über die man sonst nur unbestimmte Notizen überall zerstreut fand. Es existieren Esperanto-Polizeigruppen in folgenden Städten: In Deutschland in Dresden mit 70 Mitgliedern, in Augsburg mit 26, in Chemnitz mit 25, in Mainz mit 10; in Frankreich in Paris mit 27. Die Polizisten in anderen Städten haben sich noch nicht zu festen Vereinen zusammengeschlossen, stehen aber miteinander in schriftlichem Verkehr. Polizei-Esperantisten gibt es noch in der Schweiz in Genf; in Russland in Juchnow, Belozersk, Moskau; in Spanien in Madrid, Barcelona, Gerona; in Schweden in Eskilstuna, Gefle; in Irland in Dublin; in Holland in Haag; in Frankreich in Amiens und in den Vereinigten Staaten in Washington.

## Europa.

**Bulgarien.** S-ro Krestanow machte eine Propagandatour durch die Städte: Pazarĝik, Panagjuriŝte, Pirdop, Ilatica, Etropole, Orhane; er weckte überall Interesse für Esperanto und ermutigte die alten Esperantisten. In Sofia entwickelt die Studentengruppe eine lebhafte Propaganda für unsere Sache. Die Tageszeitungen *Kambana, Dnevnik, Večerna poŝta* und *Utro* bringen Notizen über die Erfolge des Esperanto.

**Dänemark.** In Stege (auf der Insel Mon) unterrichtete F-ino Lovgreen 35 Personen und gründete den Esperanto-Klubo de Mon, dessen Vorsitzender der Arzt Dr. Sorensen ist. Die Zeitungen *Mons Folkeblad, Mons Dagblad* und *Mons Social-Demokrat* veröffentlichten Artikel über Esperanto. *Mons Dagblad* versprach, eine ständige Rubrik für Esperanto und auch kleine Artikel in Esperanto zu bringen.

**England.** Bei einem Feste in London, das die British Esperanto Association unter dem Protektorat des Herzogs und der Herzogin von Connaught veranstaltete, hielt der Lord-Mayor von London, Sir Strong, eine höchst bemerkenswerte Ansprache, die alle Esperantisten mit Freude erfüllen muss. Ausgehend davon, dass er vor einigen Jahren, nach dem III. internationalen Esperanto-Kongress in Cambridge, in Vertretung des damaligen Lord-Mayor eine Esperantisten-Abordnung in „Guild Hall" begrüsst habe, gibt er zunächst seiner Freude darüber Ausdruck, dass er nun als Lord-Mayor selbst zu den Esperantisten sprechen kann. Er hält Esperanto für ein geeignetes Mittel, eine Verständigung der Völker herbeizuführen und so Kriege, die meist auf gegenseitiges Missverstehen zurückzuführen seien, zu vermeiden. Es sollte deswegen Esperanto im Interesse des allgemeinen Weltfriedens von allen denen kräftige Unterstützung finden, die Einvernehmen und Freundschaft der Völker untereinander erstrebten. — Von grosser Bedeutung wird der in Dundee vom 16.—19. Juni tagende 6. schottische Esperanto-Kongress werden, da der Bürgermeister Lord Provost und der Magistrat die Honoratioren hierzu einladen und den Kongressteilnehmern in den prächtigen „Albert Galleries" einen feierlichen Empfang bereiten wollen. Die Universität stellte die Aula für die Sitzungen zur Verfügung und lud zu einem Fest in dem herrlichen Universitätsgarten ein. Gottesdienst, Konzert und Theater werden stattfinden. Kolonel Pollen und andere bedeutende

Esperantisten haben ihr Kommen zugesagt — und für 1 Sm. Kongressbeitrag, der vor dem 10. Juni eingesandt werden muss, sind Ausländer Gäste des Klubs (S-ro A. A. Slidders, 10, Whitehall str., Dundee). — In Oxford wurde eine neue Gruppe gegründet. — In *Bath Herold* erschien im April ein äusserst wohlwollender Leitartikel über die Fortschritte des Esperanto und der U. E. A. — Die neugegründete Nordkimruja Esp. Ligo macht dauernde Fortschritte und errichtete eine Wanderbibliothek für Esperanto-Zeitschriften. — In Middlesborough fand eine Zusammenkunft der Nordorienta Federacio statt, wobei die Gruppen von Stockton, West Hartleport, Darlington, Newcastle, Gatechead und Blackhill vertreten waren; der damit verbundene Propaganda-Abend brachte den grössten Erfolg, den die Vereinigung bis jetzt hatte und über den verschiedene Tageszeitungen günstig berichteten. Die Edinburgha Esperantista Societo wird 6 Delegierte nach Antwerpen senden. — Von England sollen 2 Karawanen nach Antwerpen gehen, eine über Grimsby, die andere über Hull und Rotterdam.

**Frankreich.** In Paris geht man mit der Absicht um, für alle ausländischen Esperantisten ein besonderes Bureau zu errichten, um für Esperanto aus dem Pariser Aufenthalt der fremden Esperantisten den grössten Nutzen zu ziehen, Esperanto hier noch unter den Ausländern zu verbreiten und den Skeptikern den praktischen Nutzen des Esperanto deutlich vor Augen zu führen. Es wird deswegen gebeten, die Adresse unter Michel Romano, 18, rue de la Harpe, Paris Va, einzusenden. — In Rouen gelang es, den Chef der dortigen Polizei, Herrn Dumont, für Esperanto zu interessieren. — In Nevers erhielt der Vorsitzende der Esperantogruppe vom Handelsminister den Orden „Officier d'Académie" als Anerkennung für seinen Esperantounterricht. — In Avignon fand im März ein Esperanto-Lehrerexamen statt; von 18 Kandidaten aus den Gruppen in Chateau-Renard, Orange und Tarascon bestanden 14 dasselbe. Die Gruppe empfing aus der Stadtkasse eine Beihilfe von 50 Fr. — In Limoges wird vom 3.—5. Juni der 2. Kongress der Sudokcidenta federacio tagen. — Die Eisenbahngesellschaft in Orleans gibt eine reichausgestattete Broschüre in Esperanto heraus. Das in grosser Auflage erscheinende Heft wird im Monat Juni zur Verteilung kommen. Dem Beispiel werden die anderen Eisenbahngesellschaften notgedrungen folgen müssen. — In Boulogne sur mer hatte bei einem von der Gruppe „Unua kongreso" arrangierten Esperantofest der Präsident der Handelskammer das Protektorat übernommen. — Zu einer wirkungsvollen Propaganda gestaltete sich der Aufenthalt des rühmlichst bekannten S-ro Archdeacon in Marseille, wo er gemeinsam mit der Vorsitzenden der Provenca Esperanto Federacio, S-ino Tiard, die Redaktionen der Zeitungen aufsuchte, um sie für Esperanto zu gewinnen, dem sie bis dahin ziemlich gleichgültig gegenüberstanden. Sodann hielt er einen öffentlichen Vortrag über Esperanto vor 250 Zuhörern. — Ein neues Propagandamittel benutzt der Präsident der Esperantogruppe in Beauvais. Auf einem Tisch unmittelbar am Eingang hat er 4 illustrierte Esperantopostkarten aus verschiedenen Ländern ausgelegt, von denen er täglich abwechselnd Bild und Schrift zeigt. So interessiert er die Kunden für Esperanto. Er bittet deswegen um zahlreiche Ansichtskarten mit kurzem Esperantotext (S-ro Demarcy, 18. rue Sadi-Carnot, Beauvais [Oise].) — Im 125. I.-R. sind 3 Offiziere und 12 Unteroffiziere Esperantisten. Stabsmajor Delouche hält einen Kursus. Ebenso der Jäger Humy im 16. Jäger-Bat. in Lille.

**Italien.** In Terrasa hielt S-ro Delfi Dalman in der grossen Halle der „Fraternidad Republicana" einen zahlreich besuchten und mit grossem Beifall aufgenommenen Vortrag über „Esperanto als internationale Hilfssprache". — In Genua tagte vom 25.—28. Mai der II. italienische Esperantokongress unter dem Ehrenpräsidium des Bürgermeisters, des Präsidenten des Hafenrates, des Präsidenten der Handelskammer von Genua und des Kgl. Studieninspektors.

**Niederlande.** In Rotterdam dauern die Kurse für die Kondukteure der elektrischen Strassenbahn fort. — In Harlem findet die diesjährige Versammlung der Niederländischen Esperantisten am 9. Juli statt.

**Oesterreich-Ungarn.** In das Komitee des Böhmischen Landesvereins zur Hebung des Fremdenverkehrs wurde ein Delegierter der Bohema Unio Esperantista hinzugezogen. — In Prag und anderen böhmischen Städten sind mehr als 50 Kurse eröffnet. — Auf Lotterielosen zum Besten der Witwen von Postbeamten befindet sich neben anderen Sprachen auch ein Esperantotext. — In 2 Kinematographentheatern erscheinen in den Zwischenpausen Lichtbilder über Esperanto — *Prehled Revui* in Prag veröffentlicht in der Nummer vom 11. März, dass sie Esperanto voll anerkennt und keine weiteren Ido-Nachrichten mehr bringen wird, da sich in letzter Zeit höfliche Form und ehrliche Kritik bei diesen vermissen lassen. — Die Esperantogruppe in Radvanice, der einzigen Stadt in Oesterreich-Schlesien mit einem Esperantistenverein, zählt schon 56 Mitglieder. — *Osvita Lidu* in Pardubice hat eine Rubrik über Esperanto. — *El Piccolo* in Triest, welche bis jetzt über Esperanto schwieg, berichtet günstig über den Versuch der französischen Zeitung „*Excelsior*". Dort wurden auch an 2 Volksschulen Esperantokurse abgehalten.

**Russland.** Am 25. April fand in Warschau in der „Urania" eine ordentliche Versammlung der Pol. Esp.-Soc. statt, dem sich tags darauf ein Ausflug zu Schiff nach Vistulo anschloss, an welchem auch unser Meister mit Gemahlin teilnahmen. — Die allgemeine polnische Encyklopädie von Orgelbrand hat über die letzten Jahre einen Supplementband herausgegeben. In diesem findet man unter dem Buchstaben E einen sehr günstigen und inhaltreichen Artikel über Esperanto; statistische Daten vom Centra Oficejo, über Vereine, Bücher, Zeitungen unterrichten über die weite Verbreitung und die Fortschritte des Esperanto von 1889 - 1909. Auch findet man Berichte über die Dienste der U. E. A., über Akademie, Lingva Komitato und Weltkongresse. In der „Societo Esperanta Kaŭkaza" fingen 100 Personen an Esperanto zu erlernen.

**Schweiz.** In der Schweiz scheint jetzt die Esperantobewegung wieder in guten Fluss zu geraten. Nachdem die deutsch-schweizerischen Esperantogruppen sich zu einer Liga zusammengetan haben, wollen sie im ganzen deutschsprachigen Gebiete eine gemeinsame

Propaganda entfalten. Die Liga soll innerhalb der S. E. S. bleiben. Dr. Uhlmann wird das Propagandakomitee bilden und leiten. — Auch in Basel wurde vor 100 Personen ein Propagandavortrag gehalten, der trotz der Bemühungen des Idistenführers Schneeberger erfolgreich war. — In Bern veranstaltete der Verein für Katholiken einen Abend für Esperanto, an dem Herr J. Schmid über den Stand der Bewegung sprach. Die Anwesenden überzeugten sich vom grossen Nutzen des Esperanto und der U. E. A. Es wurde im Verein ein Kurs eröffnet. — In Lausanne fand ein Abendfest statt, das so erfolgreich war, dass 2 Tageszeitungen eingehend darüber berichteten und zum Erlernen des Esperanto aufforderten. Ein neuer Kurs hat begonnen, ein anderer wird folgen.

**Serbien.** Die Serbische Esperanto-Societo hält an der Universität, der Handelshochschule, der technischen Hochschule dank der günstigen Stimmung der Rektoren und Direktoren Kurse in Esperanto ab, welche im ganzen ungefähr 200 Teilnehmer haben.

**Spanien.** In Cadiz starb leider einer der eifrigsten spanischen Esperantisten, Vorsitzender des „Sudhispana stelo" und Redakteur der *Gazeto Andaluzia*, S-ro Rodrigo de la Pena. — In Alcoy unterrichtete S-ro Talens 46 Personen; am 1. April wurde ein anderer Kursus in der „Industria societo" eröffnet. — In Puebla de los Infantes wurde im April eine neue Esperantogruppe gegründet. — In Gerona gibt die dortige Esperanta Grupo ein nachahmenswertes Beispiel: Man eröffnete einen Konkurs, um einen Delegierten zum Antwerpener Kongress zu entsenden. Jeder Teilnehmer, der in der Provinz gleichen Namens wohnen muss, kann sich nach Einzahlung von 4 Sm. beteiligen. Von diesen wird dann der zu wählende Delegierte durch das Los bestimmt, und er erhält ausser den Konkurseinzahlungen noch 40 Sm. von der Gesellschaft „Amo kaj Espero". Diese und die Provinz Gerona hat er während der Antwerpener Tage würdig zu vertreten. — In Madrid wurde von der Esperantogruppe die Einführung des Esperanto in die „Höhere Handelsschule" beantragt. Der Minister versprach, sich vom Vorstand dieser Schule ein Gutachten einzufordern; dieses soll höchst günstig ausgefallen sein. — In Cartagena gab die Esperantogruppe einen Esperantoführer unter den Auspizien der U. E. A. heraus. — Von Barcelona beabsichtigt „Espero kataluna" eine Karawane nach Antwerpen gehen zu lassen. — Die Zeitung *La Publicidad* veröffentlicht das finanzielle Ergebnis des V. Kongresses. Trotz des reichhaltigen Programms, der mannigfachen Vorführungen und der Ungunst der Verhältnisse schliesst die Kongresskasse mit einem Ueberschuss von 2251 Pesetas ab. — Im spanischen Landheer gibt es zirka 100 Esperantisten; ausserdem 20 Seeleute und zirka 50 Mitglieder des Roten Kreuzes. Der König und die Königin, der General Marquis von Polavejia und der Minister a. D. Pacierra sind eifrige Gönner des Esperanto. — Man lehrt Esperanto in der Generalstabsschule, in der militärärztlichen Bildungsanstalt, im Militär- und Marineklub und im Zentralbureau vom Roten Kreuz.

## Amerika.

**Vereinigte Staaten.** Montpelier. Der Reg.-Schulrat Mason wurde eifriger Esperantist und trat der „Asocio de norda Ameriko" bei. Er versprach, sein möglichstes zu tun, um Esperanto zu fördern. Ueberhaupt kann man das steigende Interesse für Esperanto deutlich merken selbst bei Leuten, die vor einigen Wochen noch nichts von Esperanto hören wollten. — Die *New Haven Union* bringt jeden Sonntag Propagandaartikel und Chronik über Esperanto. — New York. Die *Deutsch-Amerikanische Apotheker-Zeitung* bringt eine günstige Rezension über „Poliglota Vademekum de Internacia farmacio per Esperanto" und empfiehlt das Buch ihren Standesgenossen aufs wärmste. (Vergl. „Bibliografio" in voriger Nummer.) Ebenso bringt *Americain Medicine* in ihrer Februarnummer einen Artikel über Esperanto in der Medizin. Das Fachblatt *The Stenographes* errichtet ein Esperantofach und wird einen Kursus anfangen. — In Perth Amboy wurde eine Esperantogruppe gegründet. — In Washington bildete sich ein „Washington High School Esperanto Club", um Esperanto zu pflegen und sich im Sprechen und in der Korrespondenz zu üben. — Die *Worcester Daily Telegramm* brachte einen vorzüglichen Bericht über einen von der dortigen Esperanto-Socio veranstalteten öffentlichen Abend in der Stadtbibliothek. — Die „Universala Ligo" in Washington, eine nichtesperantistische Vereinigung, welche die Verbrüderung der Völker zu erreichen sucht, nahm Esperanto als offizielle Verkehrssprache an. — In Lugoss hielt Dr. Burdell anlässlich einer Versammlung der Aerzte der Staaten Nord- und Südkarolina und Virginiens eine Rede über „Esperanto und seine Bedeutung für die Aerzte", die auch im offiziellen Protokoll abgedruckt wurde und sicher zur Verbreitung des Esperanto in der dortigen Aerzteschaft beitragen wird.

**Mexiko.** In St.-Louis-Mo ist in dem „Christian Brothers College" ein Kursus eröffnet. Den Kursus leitet der Pfarrer Mariano Mojado; die Gruppe wird sich der M. Esperanto-federacio anschliessen. — Dort wird auch ein Album Mexikanischer Esperantisten herausgegeben. Die Zigarrenfabrik „El Buen Tono", welche die beste lithographische Anstalt in Mexiko besitzt und für diese die geschicktesten Künstler engagiert, wird den kunstvollen Deckel herstellen. Das Werk wird daher künstlerisch schön und doch sehr billig werden.

## Asien.

**Sibirien.** In Wladiwostok wurde eine Esperantogruppe von chinesischen, japanischen und russischen Arbeitern gegründet. — Die dortige Aviatische Gesellschaft nahm Esperanto für die internationale Korrespondenz an.

## Australien.

**Neuseeland.** Dort wurde die Novzelanda Esperanto-Asocio gegründet mit Gruppen in den Hauptstädten. — In Invercargill finden schon zwei tägliche Kurse statt, einer in der technischen Schule, der andere in der „South-School", der grössten des Bezirks.

*Dr. A.*

## Esperanto en la vojaĝa ekspozicio en Berlin.

### Vizito de la Duko-Reganto de Braunschweig.




*Oficiala Esperanto-Informejo kaj elmontrejo de Germana Esperanto-Asocio kaj U. E. A. en la Internacia Ekspozicio por Vojaĝo kaj Turismo en Berlin, 1a de Aprilo ĝis 20a de Junio.*

En la antaŭa numero ni donis priskribon de la Esperanto-elmontrejo en la vojaĝa ekspozicio, kaj hodiaŭ ni havas la plezuron ankaŭ bilde prezenti ĝin al nia legantaro. Kiel oni vidos el la fotografaĵo, la raportinto pri la ekspozicio ne trograndigis. Estas nur bedaŭrinde, ke oni ne povas vidi sur la bildo la maldekstran flankon de la ĉambro, kie ĉefe estas lokitaj la objektoj de U. E. A. Sed pro la maloportuna loko antaŭ la informejo la afero ne estis alie aranĝebla.

La 12an de l' pasinta monato ni havis altrangan viziton en nia Informejo: la Duko-Reganto de Braunschweig, kiu tre interesiĝas pri Esperanto (vidu G. E. 4, p. 79) vizitis kun sia edzino la ekspozicion kaj ankaŭ detale rigardis niajn elmontraĵojn. La duko, gvidata de S-ro Dro Kliemke, miris pri la montrita disvastiĝo de nia lingvo kaj pri la granda amplekso de nia literaturo. Denove li eldiris sian opinion, kiun li jam esprimis post la parolado de Dro Kliemke en Braunschweig, nome, ke neŭtrala lingvo por la internaciaj interrilatoj estas nepre necesa, kaj ke estas vere dezirinde ke Esperanto, pro sia jam pruvita praktika uzebleco, kiel eble plej baldaŭ fariĝu la ĝenerala interkomprenilo inter la diversaj popoloj.

Ankaŭ la dukino montris intereson pri Esperanto. Ŝi petis F-inon Rabe, la estrinon de la Informejo, kaj nian ĉeestintan redaktoron esperante interparoli, kaj ŝi laŭdis la belsonecon kaj facilan kompreneblecon de nia lingvo.

La ĝenerala vizito al nia ekspozicio ankaŭ en la pasinta monato estis bonega, tiel bona, ke la ekspoziciaj direktoroj malkaŝe diris al ni: „Kiam ni konsentis pri la senpaga loko de vi okupota, ni iomete dubis pri via afero, ĉar ni tute ne supozis responde grandan sukceson. Sed nun ni vidas, ke ni eraris. Vi havas bonegan sukceson kaj ni ĝojas pri la intereso, kiun la publiko montras al via lingvo, kiu ankaŭ al ni bone servis."

Ĉu tia aprobo ne estas vere ĝojiga? Estu permesata, ankaŭ en tiu ĉi loko esprimi al la tre kapablaj direktoroj kaj aranĝintoj de la belega vojaĝa ekspozicio, S-roj Baron von Kuhlemann kaj Schlieper, la plej koran dankon de la esperantistaro por ilia favoro al nia afero.

Inter la vizitintaj esperantistoj de la pasinta monato troviĝis samideanoj el multaj aliaj landoj.

De la apude montrita bildo estas faritaj ilustritaj poŝtkartoj, kiuj estas haveblaj ĉe la Esperanto-Komisio por la Internacia Ekspozicio por Vojaĝo kaj Turismo, Berlin SW. 68, Lindenstr. 18/19. Prezoj: 1 peco 0,10 M., 10 pecoj 0,90 M., 50 pecoj 4,— M., 100 pecoj 7,— M. Afranko por Germanujo ĝis 10 p. 0,03 M., ĝis 20 p. 0,05 M., ĝis 50 p. 0,10 M., ĝis 100 p. 0,20 M.; por la eksterlando estas necesa la responda pli alta afranko. *Ek.*

*

## Esperanto-Tag in der Reise-Ausstellung.

Im Anschluss an den Lübecker Kongress findet am 11. ds. Mts. in der Internationalen Reise-Ausstellung am Zoolog. Garten in Berlin ein Esperanto-Tag statt, zu dem alle Esperantisten und Freunde unserer Sache eingeladen werden. Vorgesehen ist von allem ein Vortrag des Herrn Geh. Justizrat Professor Dr. Kohler, Berlin, über: „Esperanto und Autorrecht". Der Eintritt zu diesem Vortrage mit nachfolgender Aussprache ist frei. Alles Nähere ist aus den besonderen Einladungen ersichtlich, die in den nächsten Tagen direkt versandt werden.

## Internacia Higiena Ekspozicio.*)

### Dresden, Majo ĝis Oktobro 1911.

Internacia Higiena Ekspozicio nun okazas en Dresden. Ĉu vere estas necese akcenti la internaciecon de tia entrepreno? Ĉu ne estas nature, ke en afero tiom komuna por la tuta homaro partoprenas ĉiuj popoloj kaj nacioj, ĉiuj rasoj? Precipe nuntempe, en la epoko de la rapida interkomunikiĝo, kiu preskaŭ forgesigas la ekzistadon de limoj inter la landoj, ja estas nepra bezono, interkonsenti pri

*) Supozante, ke niaj legantoj interesigos pri tiu granda kaj grava ekspozicio, en kiu ankaŭ Esperanto estas inde reprezentata kaj praktike uzata, ni petis S-ron Johannes Karsch el Dresden, regule liveri al ni raportojn pri la ekspozicio. Nia Dresdena samideano afable konsentis, kaj ni havas la plezuron hodiaŭ publikigi lian unuan artikolon. Espereble la raportoj instigos multajn samideanojn viziti la interesegan ekspozicion. Sed oni ne forgesu sin montri kaj enskribi kiel esperantisto! *Red.*

higienaj aferoj, interŝanĝi la multoblajn valorajn spertojn, faritajn de la diversaj ŝtatoj, aŭ en la praktika vivo aŭ en la sciencaj laborejoj, universitatoj ktp. Internacia estas tute la ĝusta esprimo rilate al la higieno, kaj tial la higiena ekspozicio plenrajte havas en sia titolo tiun vorton. Sed ne nur en la titolo montriĝas la internacieco de nia ekspozicio, ĝi mem estas internacia en la plena senco de la vorto. Preskaŭ ĉiuj civilizitaj ŝtatoj havas en ĝi apartajn grandajn domojn — ne, palacojn luksajn, plejparte konstruitajn laŭ hejma stilo, en kiuj ili montras la evoluadon kaj la nunan staton de la higiena afero en sia lando, kaj kie ili klarigas, kiajn apartajn zorgojn higienajn postulas la klimato aŭ la terformacio de la koncerna regiono. Sed ne nur tiuj ĉi special-ekspozicioj internaciigas la higienan ekspozicion, kompreneble ankaŭ en la oficialaj haloj, en la fak-sciencaj kaj komunkompreneblaj partoj, estas konsideritaj la spertoj faritaj ĉie ajn. En la elmontrado de bezonaĵoj por laŭhigiena vivado partoprenas firmoj el la tuta mondo — inter ili sufiĉe multaj uzas Esperanton por korespondado aŭ afiŝoj, kelkaj tre gravaj firmoj eldonis Esperanto-katalogojn speciale por la ekspozicio; ankaŭ tiurilate sin montras la internacieco de l' entrepreno. Sed pri tio ni detale parolu en aparta artikoleto en unu el la venontaj numeroj.

Pro la partoprenado de la tuta mondo en la ekspozicio kaj pro la eco de la higieno, ke ĝi rilatas al la tuta homa vivo — de antaŭ la naskiĝo ĝis post la morto — la ekspozicio iĝis tre granda — la plej granda ekspozicio ĝis nun okazinta en Germanujo. La grandaj urbaj haloj kaj la ĉirkaŭa parko tute ne sufiĉis, oni devis okupi por la konstruado de eble 50 provizoraj domoj kaj haloj parton de la Reĝa granda ĝardeno kaj apudajn urbajn placojn kaj publik-ĝardenojn. Per tio la ekspozicio nun havas amplekson de 320 000 kvadratmetroj kaj superas tiurilate la antaŭjaran universalan ekspozicion en Brüssel. La diverseco de la teritorio igas ĝin tre ĉarma kaj interesa, speciale la uzitaj partoj de la Reĝa granda ĝardeno, nun en la plej bela printempa ornamo, formas idealan kadron ĉirkaŭ la domoj kaj haloj, kies arĥitekturo, kvankam diversstila, tamen kiel tutaĵo faras tre harmonian impreson.

Parto de moderna higieno estas la sporto ĉiuspeca. Ĝi trovas en la ekspozicio bonan okazon sin montri kaj varbi novajn adeptojn. La urba „Güntzplatz", rave lokita inter aleoj de altkreskaj arboj kaj ornamita per grandega bronza statuo de „Pilkĵetanto" estas areno por pacaj vetbataloj, sportludoj ktp., kiuj preskaŭ ĉiutage okazas en partoprenado de sportuloj en- kaj eksterlandaj.

Ke en tia ekspozicio ne mankas lokoj por refreŝigado kaj amuzado, ke ĉiutage kelkafoje oni povas aŭdi bonegajn orkestrajn koncertojn en la vespere brile lumigita ekspozicia parko, kaj ke bone aranĝita loterio donas la eblecon, gajni la monon necesan por havigi al si la higienajn komfortaĵojn, kiujn oni admiris en la ekspozicio — kompreneble agrabligas la restadon en ĝi kaj multe helpas por allogi kaj restigi la vizitantojn. Oni povas esti tute certa, ke ĉiuj estas kontentigitaj, tute egale, ĉu ili nur dum kelkaj horoj rondiris tra la ekspozicio, ekmirante pri la grandiozeco de la aranĝo, kaj post agrabla vespero en la „amuziga parto" hejmen alvenis, ĉu ili dum tagoj aŭ semajnoj serioze trastudadis ĉiujn detalaĵojn kaj akiris fak-sciencan materialon por longedaŭra hejma laborado.

Vi ĉiuj, karaj legantinoj kaj legantoj, estu kore invitataj al la ekspozicio, ni kune rondiru tra ĉiuj haloj, kaj pri ĉio, kion ni tie vidis, ni raportu en la julia numero. Ĝis la revido! *J. K.*

---

# Nekrologio.

Niaj francaj samideanoj suferis gravajn perdojn de du fidelaj kunbatalantoj, Sinjoroj Horace Huet kaj Paul Berthelot.

**Horace Huet** mortis en Nico la 28an de Februaro; li estis honora vicprezidanto de la Grupo Pariza, membro de la Lingva Komitato kaj redakcia sekretario de „La Revuo".

Tuj de sia esperantiĝo en 1902 li dediĉis multon de sia tempo por la esperanta afero, sed lia speciala fako estis la leksikologiaj studoj, al kiuj lia lingvista, analizema spirito lin tuj de la komenco tiris. Kiel prezidanto de la Pariza instrua sekcio, li faris multajn servojn kaj ĉiam laboris modeste kaj senbrue, kiel fidela, konstante servopreta amiko de Esperanto.

**Paul Berthelot** estis unu el la plej malnovaj francaj esperantistoj; jam antaŭ 1900, kiel juna lernanto li fondis grupon en la liceo de Reims. Poste li studis en Parizo, kie li kun entuziasmo daŭris batali sur la esperanta kampo. Lia malforta sano devigis lin forloĝiĝi al pli varmaj regionoj. Dum restado en Ceret en la Pireneoj, li fondis la unuan duonmonatan gazeton „Esperanto", kiu hodiaŭ estas la oficiala organo de U. E. A. — Pli poste li forvojaĝis al Sudameriko, de kie li ofte sendis interesajn artikolojn al esperantaj ĵurnaloj, ĉu sub lia nomo, ĉu sub pseŭdonimo „Marcelo Verema". El malproksima, sovaĝa regiono de Brazilio, letero de misiisto sciigis al la Centra oficejo lian tro fruan morton, en aĝo de 28 jaroj! *G. E.*

# Propono kaj respondo.

En „*Zeitschrift für physikalische Chemie*", Leipzig (28. 2. 1911), Profesoro Wilh. Ostwald, unu el la eldonantoj de tiu gazeto, faris sur speciala aldono la sekvantan proponon, jen tradukitan el germana lingvo:

„Per la artikolo „Chemische Weltliteratur" (ĥemia mondliteraturo) la subskribinto atentigas la legantojn de „*Zeitschrift für physikalische Chemie*" pri la jam nun ekzistanta teknika efektigebleco de reciproka interkompreniĝo de la ĥemiistoj de la tuta mondo, ne konsideranta la lingvajn limojn, kaj li petas la legantojn pri ilia *aktiva kunhelpo* en tiu ĉi afero per jena maniero.

Ekzistas la deziro, ankaŭ al tiuj legantoj, kiuj neperfekte aŭ tute ne posedas la germanan lingvon, faciligi la komprenon de la enhavo de tiu ĉi gazeto per tio, *ke la resumoj, donataj de la aŭtoroj ĉe la fino de la pritraktoj, estu presotaj krom en germana lingvo ankaŭ en Ido-traduko.* Sed de interesiĝinta kaj konsiderinda flanko oni esprimis dubojn, laŭ kiuj tiu aranĝo estus kontraŭ la intereso de la legantoj. Por povi unusence respondi tiun ĉi demandon, estas petataj *ĉiuj legantoj* de tiu ĉi gazeto, sub *preciza cito de nomo kaj scienca pozicio* eldiri sian opinion *por* aŭ

*kontraŭ* la intencita aranĝo, al la subskribinta eldonanto. La rezultato de tiu ĉi voĉdonado estos publikigata en la sama loko.

Por ke ĉiu leganto povu formi al si juĝon pri la karaktero de la intencita aranĝo, estas presita sur la alia flanko la „resumo" de p. 56 de tiu ĉi kajero en Ido-traduko."

En la supre citita artikolo Prof. Ostwald multe parolas pri Ido kaj pri ĝia taŭgeco por la montrita de li celo. Sed tio ne interesas nin tie ĉi, ĉar li diras nenion novan. Pli interesa por niaj legantoj estas la malsupre represita letero, kiu ŝajnas al ni trafega respondo al la propono de Prof. Ostwald. Ni publikigas ĝin sen komentario, nur dezirante, ke multe da similaj leteroj atingos la iniciatoron, por ke li denove eksciu, ke Esperanto ankoraŭ vivas, kaj ke nia lingvo pli bone taŭgas por la priparolita celo, ĉu pro ĝia granda disvastiĝo, ĉu pro aliaj praktikaj kaŭzoj.

*G. E.*

* * *

## Kopio de letero
### sendita de 51 anoj de la oficiala „Bureau of Standards" (Oficejo de Normoj) de Washington al Profesoro Ostwald.

Washington, 11. Aprilo 1911.

Profesoro W. Ostwald,
Ĉefredaktoro de *Zeitschrift für physikalische Chemie*, Gross-Bothen, Sachsen, Germanujo.

Respektata Sinjoro!

Laŭ via peto en la lasta numero de *Zeitschrift für physikalische Chemie*, ni, legantoj de tiu gazeto, skribas por esprimi nian opinion pri via propono presigi en la *Zeitschrift für physikalische Chemie* resumon de ĉiu artikolo. Se tiaj resumoj estus presitaj en Esperanto, ili estus tre valoraj al ni kaj samtempe donus valoran pruvon pri la ebleco kaj la dezirindeco de la internacia lingvo en sciencaj aferoj.

La registara *Bureau of Standards* havas 250 anojn, nome la scienculojn kaj iliajn helpantojn. Multaj el ili estas studintaj Esperanton, kaj jam uzas ĝin, aliaj ĵus komencis, aliaj interesiĝas je ĝi kaj tute aprobas ĝin, sed neniu estas studinta Idon, aŭ deziras studi ĝin.

Tial la *Bureau of Standards* urĝe petegas, ke la *Zeitschrift für physikalische Chemie* uzu Esperanton anstataŭ Ido. La nombro de Esperantistoj multe superegas la nombron de Idistoj, kaj, laŭ la principo tiel firme starigita, tio estas, la principo de la plej granda internacieco, estus pli bone uzi Esperanton, ĉar Esperanto jam estas la sola vera internacia lingvo. Plie ni konsilas la uzadon de Esperanto anstataŭ Ido pro la sekvantaj kialoj:

1. — Ni kredas, ke la granda tutmonda disvastiĝo jam atingita de Esperanto pli valoras ol la malgrandaj „plibonigoj", kiujn oni povus eble gajni akceptante Idon, kiu estas nur Esperanto iom ŝanĝita. Rilate al la plibonigoj mem:

a) Esperanto povas, same kiel Ido, uzi *ch* anstataŭ *ĉ*, k. t. p., se okaze la presejoj ankoraŭ ne havas la supersignitajn literojn; kaj ĉar oni jam ĉie estas povinta presigi kaj telegrafi Esperanton, la supersignitaj literoj ne ĝenas iun ajn.

b) La kelkfoja uzo de la akuzativa kazo en Ido ŝajnas pli konfuzanta ol ĝia regula kaj konstanta uzado en Esperanto. La akuzativa fino ebligas iun ajn vortordon, kiu ŝajnas pli dezirinda al la verkanto por emfazo aŭ precizeco, sed Ido male postulas fiksitan vortordon, kiam ajn oni ne uzas la akuzativan finon, kiun ordon ĉiu aparta nacio devas lerni.

c) Estos ĉiam tute eble aldoni kelkajn afiksojn, kiam sufiĉe da Esperantistoj tion deziros, tial diskutado pri enkonduko de novaj afiksoj tute ne rilatas al la afero.

d) La manko en Ido de la logika serio de kvardek kvin korelativaj vortoj, kiuj ekzistas en Esperanto, estas bedaŭrinda ŝanĝo kaj maloportuna por la pli granda laboro kiun ilia manko kaŭzas al lernantoj kaj uzantoj de la lingvo.

2. — Ŝajnas tial, ke la pretendata supereco de Ido estas jam plejparte enhavata en Esperanto, kaj la cetero estas parte teoria, parte fantazia. Esperanto mirinde kreskadas, kaj, same kiel en aliaj gravaj aferoj, se ŝanĝado estus necesa, ĝi devus esti farata metode kaj per internacia komitato, eble submetita al la voĉdonado de la uzantoj de la lingvo. Tia komitato jam ekzistas inter la Esperantistoj.

3. — La problemo efektive estas, kiamaniere plej bone disvastigi la universalan scion kaj uzon de la internacia helpa lingvo. Esperanto jam iom trapasis tian tedan provperiodon, kaj estus malsaĝe ripeti ĝin. Anstataŭ fari tion, ĉu per ŝanĝita Esperanto, ĉu per alia lingvosistemo, oni devus konstrui, kaj nome kaj fakte, sur la fundamento jam tiel firme starigita.

4. — Efektive Ido neniam estus povinta ekzisti, escepte pro la laboro farita de Esperantistoj, kaj neniam povas atingi publikan atenton, escepte kiam ĝi sin alligas al la nomo Esperanto, per pretendo ke ĝi estas sama aŭ nur iom „plibonigita" aŭ per atakoj kontraŭ Esperanto, kiuj atakoj gajnas atenton nur por tiu, kiun ili atakas. Estus malhonore forlasi Esperanton, post kiam la Esperantistoj faris en la tuta mondo laboron por gajni aliĝantojn al la internacilingva ideo.

5. — Multaj teknikaj vortaroj estas jam adoptitaj de la internacia Esperanta komitato. La ĥemia vortaro eble estos tute simila al la vortaro, kiun vi proponas en la artikolo titolita *Die chemische Weltliteratur.*

6. — Oni ne devas forgesi la grandan danĝeron, kiu alvenos al internacia helpa lingvo, kiam oni provos ŝanĝi Esperanton. Ne estas afero de nura konkuro inter du preskaŭ egalaj lingvoj. Kontraŭe, estas afero pri la sukceso de la internacilingva ideo mem. Grandan antaŭeniradon jam faris Esperanto kaj Esperantistoj al tiu celo. Ĝia plena akcepto de la nacioj estas proksima. Ia ajn peno enkonduki ŝanĝojn en Esperanton sub nova nomo, aŭ anstataŭi ĝin per io ajn, kredeble ne nur finiĝos en la malsukceso de tiu celo sed ankaŭ en la detruo de la tuta internacilingva movado.

„Kio! Alia internacia lingvo! Kie estas Esperanto?" oni diros, kiel antaŭ ne longe ni Esperantistoj aŭdis la demandon: „Kie estas la mondlingvo Volapük?" Kaj oni sendube demandos: „Do, kio venos post Ido?"

Neniu volas lerni ŝanĝantan lingvon. Multaj personoj diras „Kiam la lingvo estos fiksita, tiam mi lernos ĝin." Ĉu vi ne povas kompreni kiel malsprite estas havi du batalantajn lingvojn?

Estos multe pli bone dediĉi niajn plej bonajn klopodojn al la antaŭenpuŝado de Esperanto, kaj rezervi eblajn ŝanĝojn por la estonteco, post kiam la sukceso de la movado estos certa, kaj tiam oni povos enkonduki tiajn ŝanĝojn, kiam almenaŭ pliparto de la uzantoj de la lingvo sentos ilian bezonecon, kaj enkonduki ilin laŭgrade, ne sub nova nomo, sed sub la nomo Esperanto, ku nun ŝajnas triumfa post dudek kvin jaroj de batalaido.

La plej malfacila laboro estas preskaŭ pasinta. Ni nek retrogradu nek haltu, ni ĉiam antaŭen iru kune kaj unuigitaj! Ni petas, ke vi helpu la mondon uzante vian grandan influon kaj donante vian valoran helpon al Esperanto, la lingvo, kiu plej bone ilin meritas! Esprimante al vi nian plej altan respekton,

ni estas, sincere la viaj
(sekvas subskriboj).
(Laŭ aldono al „Oficiala Gazeto Esperantista".)

## Karaj Memoroj.

Estas bela kutimo en privata vivo rememori la gekarulojn, kiujn la kruela, ĉiam tro frue venanta morto forrabis de ni.

Estas ankaŭ bela kutimo, kiam nacioj same memoras siajn glorajn eminentulojn, kiuj postlasis al ili ne nur amuzan legaĵon, sed ankaŭ la plej belajn florojn de sia spirito.

Unu el tiaj eminentuloj, kies almemoron ni deziras renovigi, estas nia amata kaj glora verkisto Charles Dickens.

En ĉiu anglo kaj angleparolanto tiu nomo vekas admiron, estimon kaj koran dankon. Eĉ en fremdaj landoj eĥiĝas la sono de tiu nomo, vekante en la homa koro plej altan senton de humaneco.

Post tiu de Shakespeare, la nomo de Dickens estas certe la plej bone konata angla nomo en fremdaj landoj, kaj ĉiu nacio posedas almenaŭ unu el liaj verkoj tradukitan en sia propra lingvo.

Li estis malgranda viro, kun bela vizaĝo; liaj okuloj brilis kaj respeguladis lian viglan fantazion kaj spiritan agemon. Li ne estis revulo; li kontraŭe obzervadis kaj memoris ĉiun detalon de tio, kion li vidis, tiel ke liaj noveloj*) estas belaj figuraĵoj el la ĉiutaga vivo mem.

Ĝoje, serioze, ŝerce, kortuŝe, spirite kaj gaje Dickens allogas nin; li vekas nian intereson, tenadas ĝin, kaj altiras nian korsimpation. Ĉiam li montras la vivon laŭvere tiel, kiel ĝi efektive estas. Optimisto li estas, instigante nin al bono, kaj kvankam ŝerchumoristo, li neniam ridigas nin pri aferoj, kiuj estas seriozaj kaj indaj nian estimon aŭ kompaton.

Plej lerte li pentris ĉiuspecajn okazaĵojn kaj ĉiuspecajn sentojn el la homa vivado. Liaj personoj estas preskaŭ ĉiuj konataj homtipoj, plej facile rekoneblaj. Kiel ĉiu elokventa rakontisto li posedis la arton antaŭmeti laŭnature, kompreneble, alloge kaj interese sian temon.

En la 17a centjaro ne ekzistis bonaj, legindaj noveloj, eĉ ne bonaj rakontoj. La literatura nutraĵo de l' tiutempaj cerboj konsistis el romantikaj fabeloj, nenaturaj, malmoralaj historioj, kies personaro estis afektuloj kaj malvirtuloj, kiuj sin kaŝis sub orecaj vestoj kaj rozkolora pigmento.

Do jam longe antaŭ Dickens, tiu malaltiga stilo senkonscie naŭzis la tiaman legantaron, ĝis la alveno de Sam. Richardson (1740), kiu pionire verkis pli altstilajn rakontojn pri simplaj, ĉiutagaj temoj, kiuj estis bonmoralaj kaj sufiĉe interesaj. Oni avide akceptis ilin, malgraŭ ilia iom peza stilo kaj la multenombreco de l' volumoj.

Estas do plene kompreneble, ke la tuta nacio, por tiel diri, ĝojegis pri la belaj, bonstilaj noveloj de Dickens; 34 ĉefverkoj eliris, t. e. unu en ĉiu sinsekvinta jaro.

Ne estas mirinde, ke konata redaktoro de l' 19a centjaro publike diris en parolado, kiam li parolis pri Dickens: „.... unu (verkisto) kiu vivas nun inter ni, kaj mi estas tre danka pro tio, ke la verkisto de „David Copperfield" donis al miaj infanoj tiom da dolĉa kaj bonstila legaĵo, kaj per ĝi la okazon por tiom da senarta ridado."

La gepatroj de Dickens estis tre malriĉaj, kaj li travivis pro tio malfeliĉan infanecon. Li konis profunde kaj laŭsperte ĉiun flankon de l' popola vivado, kaj li prefere parolis pri neriĉuloj. Li havis la kapablon antaŭmeti plej klare ĉiun apartan karakteron de sia personaro, tiel ke oni ankoraŭ nun citas liajn heroojn kaj malheroojn, kiam oni volas priskribi ian apartan homtipon. En lia vivtempo la eldonistoj rikoltis plej grandan profiton per la pli ol 24 milionoj da libroj, liaj ĉiuj eliris, kvankam Dickens mem tute ne proporcie estis monkompensata. Pro tio li tute ne povis postlasi al siaj idoj kaj ididoj riĉecon kiel li tion deziris.

Li naskiĝis en 1812, kaj la proksiman jaron do ni festos lian centjaran datrevenon.

La redakcio de l' „*Strand Magazine*" (fama monata gazeto) proponis bonan rimedon al la publiko, kiu admiras Dickens, por postsaldi iom la ŝuldon de dankeco al li.

*) Vidante, ke „romano" kaj „novelo" en internaciaj lingvoj ne tre akordiĝas rilate al la signifo aŭ sameco de signifo, mi uzas la vorton „novelo", kiu ŝajnas esti plene taŭga en esperanta lingvo por esprimi: libron kiu entenas rakonton, precipe el la ĉiutaga vivo, t. e. kiu pritraktas amon kaj malamon, feliĉon kaj malfeliĉon, ĉiun senton de l' homa koro kaj ĉian okazaĵon, kiu povas okazi en la homa vivo. Ni trovas facile la aliajn parencajn vortojn: noveleto, mallonga novelo; rakonto, kiu ne pritraktas multenombran personaron; rakonteto, mallonga rakonto; poste — romanco: kiu signifas neverŝajna rakonto aŭ rakontego, proza aŭ poezia, kies okazaĵoj ne sin tenas en la limoj de l' reala vivo, sed kiuj estas elpensitaj, kunmetitaj, neeblaj en la ordinara vivo, eĉ fablaj — kiuj tamen tre amuzas nin kaj estas ofte bela formo de literaturo; poste „romanceto" povas signifi kanton, en kiu sin trovas tiaj nekredindaj heroaĵoj kaj okazaĵoj — kiuj tre bone taŭgas por tiu formo de kanto. Ad. Ŝ.

Oni proponis doni al liaj posteuloj sumon, kiun li mem estus volinta, sed ne povis doni al ili, kaj pro tiu celo oni eldonis memorigan markon kun la portreto de Dickens, kiun ĉiu posedanto de Dickens'aj libroj aĉetu laŭ la nombro de posedataj verkoj (aŭ pli, se li volas). Se do nur 2 trionoj el tiuj aĉetus 6—12 markojn, la ricevota sumo plene sufiĉos kiel kompenseto al liaj parencoj (el kiuj neniuj estas riĉaj).

Por la esperantistoj estas interese scii, ke en la komenco de 1911 eliris nova eldono de „La Batalo de l' Vivo“ de Dickens, mallonga amrakonto, tradukita de nia kara Dro Zamenhof.*) Ĝi aperis unue en „La Esperantisto“, kiun li mem redaktis kaj eligis en 1891. En la antaŭparolo de l' nuna eldono, Dro Zamenhof klarigas, ke germana amiko, montrante al li la libreton „Der Kampf ums Leben“ (La Batalo de l' Vivo) de Dickens en germana traduko, diris al li kun konvinko: „Jen libro tute ne tradukebla en vian Esperanton!“ Kaj por montri la malon, la Doktoro ĝin tuj tradukis esperanten, sen ke li eĉ povis havigi al si la anglan originalon.

Feliĉe la germana traduko estis bonege farita, kaj pro tio la verketo estas tre leginda en Esperanto, eĉ se oni komparas ĝin nun kun la originala teksto.

La verkoj de Dickens ĉiam denove eliras; ili neniam estas metataj flanken nelegitaj. Malgraŭ la fakto, ke la multeco de l' nunaj verkistoj ĉiam pli kaj pli grandiĝas, la Dickens'aj libroj estas legataj ĉiujare de miloj, kaj ĉiam denove estas postulataj.

Nun ili daŭre vivu per nia kara lingvo.

*Ad. Ŝefer, London.*

## La esperanta literaturo kiel rimedo por la celo.

De Emil Momber, Oberdollendorf.

Pri la demando, ĉu la studado de nia kara lingvo Esperanto estas facila aŭ malfacila, regas tre malsamaj opinioj. Unu kredas ĝin facila, eĉ facilega; alia malfacila, eĉ malfacilega. Estas ja kompreneble, ke talenta homo lernas Esperanton pli facile ol sentalenta, kaj sendube oni lernas ĝin des pli facile, ju pli da fremdaj lingvoj oni scias. Sed ne konsiderante la spiritan kapablon, aŭ la pli-malpli grandajn lingvajn sciojn de unu aŭ de alia, ni povas rajte certigi, ke rilate al la gramatiko, ortografio, elparolado, kiel ankaŭ koncerne la vortaron kaj la akcentadon de la silaboj, la studado de Esperanto estas facila, eĉ facilega, kompare kun iu ajn nacia lingvo. La malfacileco de Esperanto, kiel de ĉiu nacia lingvo, konsistas sole en la flua kaj bonstila reproduktado de niaj pensoj. Por atingi tiun kapablon ne sufiĉas la interparolado kun samideanoj, por kio ne ĉiu havas bonan okazon; sed antaŭ ĉio estas necesa, eĉ necesega la legado de bonaj esperantaj verkoj, t. e. la okupado pri la esperanta literaturo. Nur per tio ĉi ni perfekte lernas pensi, paroli kaj skribi esperante. Por esprimi niajn pensojn en Esperanto ne sufiĉas laŭvorta traduko el nia gepatra en esperantan lingvon, ĉar fremdlandano pro la neeviteblaj naciismoj apenaŭ komprenus tian tradukon. Mi memorigas, ke ekzemple la germano ofte malĝuste tradukas la vorton „wenn“ per „se“ en okazo, kie oni devas traduki ĝin per „kiam“, la franco la vorton „si“ per „se“ en okazo, kie oni devas traduki ĝin per „ĉu“, k.t.p. Ni kontraŭe devas, por esti komprenataj de ĉiu fremdlandano, kiu ne konas la proprecojn de nia gepatra lingvo, lerni pensi en esperanta, t. e. internacia lingvo. Tion oni lernas, kiel dirite, nur per okupado pri la literaturo. La nuna esperanta literaturo ja estas tiel ampleksa kaj diversspeca, ke neniu esperantisto povas embarasiĝi pri la elekto de bonaj Esperanto-verkoj. Estas kompreneble, ke por atingi la diritan reproduktivan kapablon, estas konsiderotaj nur bonaj verkoj, verkoj de eminentuloj, kiel tiuj de nia Majstro Dro Zamenhof, de Dro Valienne, de Kabe kaj de multaj aliaj diversnaciaj verkistoj, kiuj parte kreis originalaĵojn en Esperanto, parte faris tradukojn el naciaj verkoj en la lingvon esperantan. Kvankam ĝis nun ekzistas proporcie nur malmultaj, ĉirkaŭe sesdek originalverkoj, ni jam posedas multegon da bonegaj tradukoj el la literaturoj de ĉiuj kulturlandoj, tiel el la bela, kiel el la faka literaturo. Krom tio ekzistas tiom da gazetoj, verkitaj ĉu nur en Esperanto, ĉu en esperanta kaj nacia lingvoj, kiuj prezentas al ni kaj sciencajn kaj amuzajn artikolojn de bonaj verkistoj, ke ĉiu esperantisto, celante perfektiĝi en nia kara lingvo per literaturo, ĉiam trovas okazon por tio. Ju pli da literaturaj verkoj kaj ju pli da diversspecaj el ili ni legas, des pli bonaj esperantistoj ni fariĝas. Tial, samideanoj, se vi volas atingi perfektecon en nia artefarita lingvo, neniam ĉesu okupi vin pri esperanta literaturo!

*) Komparu G. E. 1911, p. 37.

## Humoraĵo.

### Pasintaj tempoj.

— Emilio, tio ĉi ja estas ne tolerebla! Rigardu: jen denove haro en la supo! —

— Sed — ĝi estas mia.

— Ho, Dio! ĉu tio ne estas tute egala?

— Ho, viroj! Kiel malkonstantaj vi estas! Ĉu vi memoras, ke la morgaŭan tagon post nia edziĝo-festo vi diris, ke vi estas preta manĝi min tutan. Kaj nun? . . . eĉ unu haro jam estas tro multe! *Tradukis S. Motard.*

# Diversaj informoj

## Grava sciigo kaj peto!

**Nia fervora kaj laborema samideano, S-ro stud. rer. nat. Erwin Heydweiller estas malaperinta de post la 25a de Aprilo. Li foriris en tiu ĉi tago el sia loĝejo en Göttingen por fari ekskurson (verŝajne en montaron), sed ne revenis. Ĝis nun oni ne trovis postsignon de li.**

**Eble okazis al li akcidento, tial ni ĉi supre priskribas la aspekton de la malaperinto kaj petas ĉiujn samideanojn, kiuj dum la lasta tempo korespondis kun S-ro Heydweiller, aŭ kiuj scias ion, eĉ malgravan, pri la malfeliĉa afero, komuniki tion al lia patro, kiu estas danka por ĉiu sciigo. Adreso: Profesoro Dro A. Heydweiller, Rostock (Germanujo), Kaiser-Wilhelmstr. 2.**

Aspekto kaj vesto de la malaperinto: Aĝo: 21½ jaroj; grando: ĉirkaŭe 175 cm; staturo: maldika kaj gracia; haroj: malhelblondaj, disiĝo dekstre; brovoj: densaj kaj malhelaj; okuloj: grizaj; koloro de l'vizaĝo: pala; barbo: maldensaj lipharoj, alie ĝis nun glate razita; nazo: rekta; buŝo: iomete larĝa.

Vestaĵo: jaketvesto el malhela ŝtofo malgrande kvadratita, ĉapelo el nigra, rigida felto, malhela surtuto; aŭ montara vesto el helbruna, laborista velokŝtofo, ĝisgenua pantalono kaj tirolaj ŝtrumpoj, kotona sportĉemizo kaj sporta ĉapo.

Ĉe la forvojaĝo el Göttingen li estis vestita per la unue priskribita vestaĵo, la alian li kunportis en bruna mankofro el „vulkanfibro" aŭ simila ŝtofo, longa ĉirkaŭe 60 cm.

## Bona konsilo.

Konsilo ne demandita ofte ne estas bonvenata. Tamen mi riskas fari modestan proponon, kiu eble tre agrabligos la estontan internacian kongreson. Mi estas spertulino, ĉar mi jam partoprenis en kvar kongresoj, mi povas eldiri vorteton.

Cambridge (Kembriĝo) estis mia unua kongreso. La unuan fojon mi vidis alilandajn samideanojn, nur malmultajn mi konis. Mi kunhavis bonan provizon da vizitkartoj, kiujn mi interŝanĝis kun gesinjoroj, kun kiuj mi hazarde konatiĝis. La aliaj kongresanoj uzis notlibrojn, malkare haveblajn, por kolekti aŭtografojn. Mi preferis la kartojn, ĉar sur ili la nomoj estis pli bone legeblaj. Unu samideanino kunhavis la albumon de Schuck, kun la portretoj de konataj esperantistoj. Tio estis bona ideo, per helpo de la albumo oni en la fino de la kongressemajno sciis, kiuj estis la sinjoroj sur la estrado, oni konis bone Rektoron Boirac kaj Doktoron Mybs, oni ne konfuzis la Profesorojn Cart kaj Bourlet, kompreneble oni ankaŭ konis la faman Trion: Pollen, Cunningham kaj Mudie. Sed la aliaj? Ho ve? Kiu estis tiu? Kiuj trajtoj apartenis al la kartoj, al la aŭtografoj?

La sama embaraso en Dresden, Barcelona kaj Washington. Ĉie ni aĉetis ekzemplerojn de la grandaj, kolektaj bildoj, montrantaj la gekongresanojn, sed reveninte hejmen, ni vane provis memori la nomojn. En Barcelona ni havis tre belan kongreslibron kun multaj blankaj folioj por aŭtografoj, sed denove aperis la maldolĉa demando: kiu estas tiu?

Nur unu escepto sin trovis. Kelkaj sinjoroj kaj unu sinjorino havis siajn portretojn sur la vizitkartoj, jen la solvo de la problemo! Nomo kaj adreso bone presitaj, la portreto apude, la kartetoj trovas lokon en ĉiu paperujo eĉ en la saketoj de sinjorinoj, ofte oni rapide ririgardis — forgeso ne estas ebla. Mia konsilo kaj propono nun estas, ke ni ĉiuj havu vizitkartojn kun nia bildo, ni ilin interŝanĝu. La karto fariĝas per la portreto pli valora, ĝi estas malgranda donaco, kara memoraĵo. Ĝi anstataŭos la nelegeblajn aŭtografojn, kiuj estas krom tio veraj turmentadoj.

Mi tre ĝojus, se la karaj gekongresanoj akceptos mian konsilon, mi petas, ke ĉiuj gazetoj ĝin represigu.

Ĝis revido en Antwerpen!

*Marie Hankel.*

## Konsiloj por esperantistaj festoj.

Via programo estu mallonga sed bona.

Ĝi estu skribita, skribe multobligita aŭ presita.

Ĝi havu la monoan formaton: 23 : 33 cm, unu folio aŭ duobla.

Ĉiuokaze presu aŭ skribu la esperantajn tekstojn de la kantotaĵoj. Tion faru aŭ tute ne kantu. Se oni ne komprenas la tekston oni samsukcese ja kantus france aŭ itale. Sen teksto sur programo neniu komprenos eĉ unu vorton. Oni ĝuos la muzikon, sed neniel nian lingvon.

Se iel eble presigu ankaŭ nacilingvan tradukon de la kantoj.

Tio estas ĝojiga kaj interesa por ĉiuj aŭskultantoj.

Ekzistas jam multaj esperantaj muzikaĵoj, bonvolu vin turni al fraŭlino K. Jahns, Braunschweig, Bodestrasse 12.

Por deklamo elektu mallongajn versaĵojn, bonajn anekdotojn aŭ rakontetojn.

Deklamu ilin tre bone, malrapide kaj laŭte, por ke oni komprenu ĉiun vorton. Tre ofte eĉ esperantistoj ne komprenas la recitaĵon, ili ne aŭskultas kaj babiladas.

Ĉio en la ĉambrego estu silentega. La recitanto parolu tiel laŭte, ke oni lin komprenu en la plej malproksima angulo de la ĉambro.

Tre bona ekzercado estas ludado de komedio.

Ĝi estu simpla, mallonga (30 minutojn proksimume), kun multe da agado (ne nur dialogoj), antaŭ ĉio ĝi estu tre bone studita!

La ludantoj laŭte parolu, ili preskaŭ kriu. Kuraĝe ili rigardu en la okulojn de la aŭskultantaro.

Antaŭ la komedio oni havu paŭzon por vespermanĝo, dum la ludado la kelneroj tute ne servadu. Oni postulu dum tiu ĉi duonhoro la plej grandan silenton.

*Marie Hankel.*

## An die deutschen Esperantogruppen!

Ich bitte die Ortsgruppen deutscher Garnisonstädte um baldgefl. Mitteilung:

a) ob Militär-Personen und -Beamte als aktive Mitglieder ihrer Gruppe angehören,
b) ob dieselben bisher Esperantoabzeichen trugen. Was ihnen wegen event. Erlaubnis bezw. Verbots des Tragens des Abzeichens bisher bekannt geworden ist.

*W. Beideck, Augsburg, Pferseerstr. 17.*

## Propagando!

Por daŭrigi nian propagandon precipe en Sudgermanujo, ni petas la germanan esperantistaron, sendi al ni kiel eble plej multajn adresojn de sudgermanaj geinteresuloj, por ke ni povu sendi al ili propagandilojn kaj interrilatiĝi kun ili pro fondo de novaj grupoj. *Süddeutsche Esperanto-Zentrale, Augsburg, Pferseerstr. 17.*

## Korespondo.

11 Aberdeen Walk Armley, Leeds, England.
Karaj Samideanoj!

En la monato Julio ni en Anglujo atendas viziton de cento da germanoj, 50 el Frankfurt a. M. kaj 50 el Düsseldorf. Se iu samideano intencas kunvojaĝi kun ili, bonvole skribu al mi, ĉar mi tre ŝatus amikiĝi kun vi antaŭ ol vi venos, kaj ankaŭ poste helpi ricevi vin bonkorege, kiam vi alvenos. Ni havas multe da samlingvanoj en Lidzo, kiuj tre ĝojos vin ricevi kaj bonveni.

Vere via
*John Wm. Mann.*

## Aufruf!

Unter dem Titel „Die Organisierung der geistigen Arbeit durch ‚Die Brücke'" erscheint in München soeben ein epochemachendes Werk, das zugleich ein Aufruf sein will zur Gründung einer grossen internationalen Organisation. Dieses Werk, 167 Seiten stark, in Doppelmonoformat, soll in 12 Kultursprachen übersetzt werden, und zwar nicht unmittelbar aus dem deutschen Original, sondern aus einer hieraus gewonnenen Esperantoübersetzung. Die Arbeit soll so gemacht werden, dass die 12 Kapitel unter 12 Uebersetzern verteilt werden, und schliesslich soll eine Kommission die endgültige Vereinigung und Ausgleichung besorgen. Die Leitung der ganzen Uebersetzungsarbeit ist dem Unterzeichneten anvertraut worden, der nun auf diesem Wege 1 Dutzend kompetente deutsche Esperantisten für die Mitarbeit sucht, von denen jeder etwa 15 Druckseiten zu übersetzen hätte. Es muss aber bemerkt werden, dass an den Uebersetzer ziemlich starke Anforderungen gestellt werden. Wer seine Kraft für einige Stunden in den Dienst der grossen Sache stellen will, wird gebeten, seine Adresse zu senden an

*J. Schmid, L. K.*
*eidg. Handelsdepartement,*
*Bern (Schweiz).*

## Reformo de l' Kalendaro.

Laŭ deziresprimo de l' Internacia Kongreso de la Komercaj Ĉambroj (1910 en London), la svisa registaro (Conseil fédéral suisse) intencas kunvoki diplomatan konferencon por reformo de l' kalendaro. Ĉar la solvota demando estas sufiĉe grava, ĉiu interesulo, kiu havas bonan ideon pri tiu reformo, estas petata sendi sian proponon — se eble en Esperanto — al la svisa registaro kiel eble plej baldaŭ. Ju pli da opinioj esprimiĝos, des pli interesa fariĝos la konferenco.

La subskribinto, komisiita kolekti kaj traduki la diversajn proponojn, estus feliĉa, se alvenus kiel eble plej granda nombro da leteroj en nia bela helplingvo.

Bern, Marto 1911.

*J. Schmid, L. K.*
(El „Oficiala Gazeto Esperantista".)

## Komuniko.

Mi sciigas ĉiujn miajn korespondantojn, ke al konstantaj kaŭzoj de mia neakurateco pri korespondado (ŝanĝo de l'adreso, malakurateco de l'poŝto, manko de l'tempo ktp.), aliĝis ankoraŭ nova, tre grava kaŭzo: dum la nokto de 23—24. Aprilo 1911, en nia loĝejo okazis polica serĉado kaj ĉiuj skribaĵoj kaj fotografaĵoj, trovitaj ĉe mi, estas forprenitaj. Tiun malfeliĉon kaj humiligantan ofendon mi dividas kun multaj samurbaj samideanoj, kaj tio malebligas al mi eĉ revi pri akurata korespondado. Alilandaj samideanoj bonvolu atenti la kondiĉojn de vivo de ruslandaj Esperantistoj kaj ne tro rapide kondamni ilin pro ilia malakurateco. Kiam mi ricevos mian arĥivon, mi sammaniere sciigos pri tio.

La sama afero la saman nokton okazis en la loĝejo de jenaj Petersburgaj samideanoj, kaj en la Oficejo de Ruslanda Ligo Esperantista: 1. S-ro N. P. Evstifejeff, 2. S-ro *A. A. Postnikov*, 3. S-ro H. B. Beringer, 4. S-ro W. M Zike, 5. S-ro *Burkov*, 6. F-ino *V. F. Barabanova*, 7. F-ino J. M. Zike, 8. S-ro Volkvysskij, 9. F-ino A. N. Trapeznikova, 10. F-ino K. N. Kosjankovska.

La nomoj, kursive presitaj, montras, kiuj estis arestataj krom tio.

N. P. Evstifejeff (Petersburgo, Ruslando), Akademiano, Lingvokomitatano, Honora membro de la Rumana Esperantista Societo, vicprezidanto de l'Ruslanda Esperantista Ligo, prezidanto de la studenta Universitata grupo, konsulo por la junuloj (U. E. A.) ktp.

Die in dieser Nummer enthaltenen Artikel **Nachtrag zu „Die Delegation"** und **Das Weltsprachamt in Bern** können als Sonderdrucke vom Esperanto Verlag Möller & Borel, Berlin, bezogen werden. Der erstere kostet 1,— M., letzterer 1,50 M. per 100 Stück franko.

# Societaro.

## Internacia Scienca Asocio Esperantista.

Antaŭ kelkaj monatoj S-ro Eittinger, inĝeniero el Rusujo, publikigis alvokon al la esperantistaj inĝenieroj, celantan starigi:

Internacian Asocion de Inĝenieroj, kaj S-ro Stromboli el Genova prenis sur sin la organizadon de tiu grava asocio; tuj poste li ricevis sufiĉe grandan nombron da aliĝoj, kio pruvas, ke la ideo de S-ro Eittinger estas bona kaj havas grandajn ŝancojn sukcesi.

Samtempe la Scienca Asocio intencis alporti al sia organizado, gravan aldonon, ebligantan la formadon de Sekcioj de Specialistoj inter siaj membroj. Tiuj sekcioj povus, kiam ili estus sufiĉe fortaj, fariĝi memstaraj asocioj, konservante tamen moralajn interrilatojn kun la Scienca Asocio.

Kvankam la koncernaj statutoj ne estas ankoraŭ oficiale alprenitaj de la Asocio, tamen ĝia estraro pensis, ke la okazo, kiun donas la ideo de S-ro Eittinger estas taŭga por komenci tiun organizadon de specialaj sekcioj, kaj ĝi proponis al S-ro Stromboli akcepti, ke la formota asocio de inĝenieroj fariĝu komence tia sekcio. S-ro Stromboli akceptis tiun proponon. Tiamaniere la Scienca Asocio povos helpi la starigadon de la formota Asocio de Inĝenieroj.

Sekve ĉiuj inĝenieroj, kiuj deziras aliĝi al tiu lasta Asocio, estas invitataj sendi sian aliĝon al la Scienca Asocio (ĝenerala sekretario, S-ro Paillot, 51 rue Gauthier de Chatillon, Lille, Francujo). Jara kotizaĵo: 2 Sm., kun abono je la Scienca Revuo: 4 Sm. Ili estas petataj konigi samtempe sian intencon partopreni la Sekcion de Inĝenieroj.

Iliaj nomoj kaj adresoj estos konigataj al S-ro Stromboli, kiu bonvolis akcepti la titolon de sekretario de tiu speciala sekcio kaj zorgos pri ĝia funkciado.

La samideanoj estas petataj konigi tiun sciigon al neesperantistoj, precipe per naciaj teknikaj revuoj.

*La ĝenerala sekretario:*
*R. Paillot.*

## Teosofia Esperanta Ligo.

Mi prenas la permeson atentigi la membrojn de Teosofia Esperanta Ligo, pri la cirkulero de Doktoro Zamenhof, kiu donas al ni sekvindajn konsilojn. Efektive li klarigas la ĝustan metodon, kiun ni devas uzi por niaj laboroj dum la venonta Antwerpen'a kongreso, ĉar nia intenco estas utiligi tiel gravan okazontaĵon de internacia renkontiĝo por doni al nia ligo definitivan organizadon.

Taŭga kunvenejo estos rezervata por niaj kunsidoj, dank' al afablaj prizorgoj de la Loka Komitato de l' kongreso; ni povos do fari utilan, fruktodonontan laboron, se ĉiu liga sekcio bonvolos sendi al la Antwerpen'a kongreso delegitojn, rajtigitajn por la alprenotaj decidoj.

Estus necese, ke ĉe ĉiu sekcio, oni antaŭe ekzamenu la ĉefajn punktojn, pritraktotajn en ĝeneralaj kunvenoj kaj, por starigi tiun laboron, ĉiu sekciestro aŭ liga sekretario devas korespondi unu kun la alia. Tiamaniere ĉe la kongreso estos nenia konfuzo aŭ haltigo, ni tuj eklaboros efike kaj bonorde.

Esperante aprobon kaj kunhelpon pri tiu propono, mi salutas tutkore kaj frate ĉiujn gesamliganojn.

*S-ino Diou-Trouillon,*
Prezidantino de la Franca Sekcio,
145, Boulevard Malesherbes, Paris, Francujo.

# Bibliografio.

*Ĉiuj libroj markitaj per steleto estas riceveblaj per:*
*(alle mit Sternchen versehenen Bücher sind erhältlich durch:)*
*Esperanto Verlag Möller & Borel, Berlin SW. 68, Lindenstrasse 18/19.*

***Fundamentaj Principoj de la Vortaro Esperanta.** Antaŭparolo al Plena Vortaro Esperanto-Esperanta de E. Boirac, Rektoro de la Dijona Akademio. (Kolekto de la Revuo) Hachette & Cie., Paris. Prezo: 0,50 M.

Estis dankinda faro de la eldonejo, aparte aperigi tiun gravegan pritrakton de la fama prezidanto de niaj Akademio kaj Lingva Komitato. Per tio estas eble, ke ĉiu samideano, al kiu la Plena Vortaro estas tro kara, almenaŭ posedu ĝian antaŭparolon, en kiu la aŭtoro klarigas siajn rimarkindajn principojn. La ĉapitroj pri la afiksoj estas vere legindaj, ĉar ili forigas multajn dubojn, kiuj eĉ ekzistas ĉe progresintaj esperantistoj. *Ek.*

***Ornitologia Vortaro oklingva de birdoj Eŭropaj** de P. E. Stojan. Librejo Esperanto Moskva. Prezo broŝurita 2,20 M.

Jen grandformata (29:19 cm) 216 paĝa, bone litografita libro, kiu prezentas diligentan laboron de rusa samideano. La principojn uzatajn dum la verkado mi plene povas aprobi. Ili estas 1) Harmonio kun la Zamenhof'a Esperanto; 2) multlingva nomaro estu bazo de la Esperanto-esprimoj; 3) ĉe elekto de vorto uzota oni atentu pri internacieco sed same pri ĝusteco laŭ la nuna stato de l'scienco, (se ekzemple la „ostrobirdo" — traduko laŭ multaj naciaj esprimoj — ne manĝas ostrojn, oni ne uzu tiun vorton sed prefere mar-pigo, kiu estas pli trafa, pli koniga nomo, tial 4) oni elektu, se ne ekzistas internacia radiko, prefere bildan nomon ol la latinan ĉar „bildaj nomoj estas vera trezoro de ĉiu lingvo: ili estas tuj kompreneblaj kaj ili donas realan scion pri la objekto", ekz. „blu-korvo" estas pli praktika ol „koracio" (lat. „coracias"). La aŭtoro kompilis sian penigan verkon el 24 verkoj kaj 7 lingvoj. Tre laŭdinde estas, ke li skribis la rusajn vortojn per Esperanto-literoj, (aldoninte antaŭe la komparon de l'rusa alfabeto), tiel oni pli bone povas kontroli la internaciecon. Ĉe la nomenklaturo (fakesprimoj) mi ne povas aprobi la finaĵon por familioj -ojdoj; la pravigo pri ĝia uzo estas erara (la germanoj ne uzas en sia lingvo -ojd sed -oid, la vortaro de Boirac metas same -oid por tiu fako [-ojd por adjektivoj kiel „kristalojda"], ankaŭ Rhodes ne estas por tiu formo citebla). Krom tio „falkoidoj", ekz. pli belsonas ol „falkojdoj". Akcepto de -oj por subfamilioj anstataŭ -ojnoj (prefere -oinoj) estas tre aprobinda. La unua ĉefparto enhavas la klasifikon, kiu estis malfacila tasko, ĉar por „birdologio" ne ekzistas ankoraŭ interkonsentita klasifiksistemo, (kelkaj birdoj havas ĝis 50 nomojn!). La dua parto entenas 596 nomojn de eŭropaj birdospecoj, ĉiam unue la latinan (sciencan) laste la Esperantan nomon. Kompreneble internacia nomo iafoje devis ŝanĝiĝi, ĉar vortoj kiel „okcidentalis, vulgaris" ne estas ĉie ĝustaj, tial la aŭtoro elektis ekz. por „Aquila orientalis" „Step-aglo rusa". Iafoje la aŭtoro metis la internacian formon anstataŭ la esperantigo de la latina, kvankam ĝi estas en la Universala vortaro (meizo anstataŭ paruo lat. „parus", la unua formo estas preskaŭ same (Meise) en 3 kaj tre simila (mes. mees, mésangi ktp.) en 7 pliaj eŭropaj lingvoj)

tian faron mi ne povas mallaŭdi, oni en tiaj okazoj havu en Esperanto du sinonimojn (paralelajn vortojn) kaj la ĝisnuna fariĝas arkaika. La verkinto kunmetis listeton de tiuj eraraj birdnomoj en U. V. kaj lia antaŭklarigo estas tre atentinda. Je la fino de la bonega verko — citinde estas ankaŭ, ke mi trovis nur 3 malgravajn skriberarojn — troviĝas abc-aj nomaroj Esperanta kaj latina. Trastudante la aĉetinto certe trovos ankoraŭ pliajn interesaĵojn. *P. Chr.*

*

***Sonĝo de Scipio** (Somnium Scipionis) laŭ Cicero, el latina lingvo esperantigis Hj. J. Runeberg; Helsingfors, Ilarejo Esperantista. Prezo: 0,25 M.

Dankinda traduko; la enhavo estas interesa por ĉiu, kiu inklinas al teosofio kaj ŝatas konatiĝi iom kun la idearo de la antikva mondo. — Laŭ lingva vidpunkto mi deziras rimarkigi la uzon de propraj nomoj. Mi scias: jen tre malfacila ĉapitro, sed ŝajnas al mi, ke oni devas esti konsekvenca, almenaŭ en unu libreto Kial do: Jupitero, Merkurio, Venus (nominativaj formoj) sur unu paĝo? — Sed tio estas lingva demando, kiun ĉiu aŭtoro respondas laŭ sia gusto. En tio mi ja ne vidas gravan malutilon; mi konfidas, ke la tempo montros la plej bonan respondon. — Tiaj libretoj, kia estas la priparolita, gajnus eble iom pli da valoro, se ili montrus, anstataŭ (ekz.) Marko Tullio Cicero, jenon: Marcus (pron: Markus) Tullius Cicero (´ ◡ ´ ◡ ◡ ´ ◡ ◡). Tiel oni evitas erarigon pri la akcento kaj fine: ĉiu havas la rajton postuli, ke oni ne ŝanĝu lian nomon laŭ bontrovo kaj laŭ la lingvo. — Mi almenaŭ — kvankam mi estas ano de Esperanto — ne ŝatas esti nomata „Arnolt Berent", sed nepre deziras resti.

*Arnold Behrendt.*

*

**Die Verbreitung der Esperantosprache.** Von Professor P. Christaller. Flugschrift No. 2, herausgegeben vom Esperanto-Propaganda-Instituto, Leipzig, Kaiser-Wilhelmstr. 15. Preise: 100 Stck. = 2 M., 300 Stck. = 5 M., 500 Stck. = 8 M., 1000 Stck. = 15 M.

Dieses Flugblatt bildet die Fortsetzung der Flugschrift No. 1, über die schon in der März-Nummer des G. E. berichtet worden ist. Beide Blätter zusammen geben ein reichhaltiges statistisches Material, für dessen Zuverlässigkeit der Name des Verfassers bürgt. Ob es aber empfehlenswert war, die Statistik in 2 Teilen herauszugeben, erscheint bei den ziemlich hohen Preisen der Blätter sehr fraglich. Derartige Flugschriften müssen billig sein, wenn sie in Massen zur Propaganda verwendet werden sollen.

Das oben genannte Propaganda-Instituto hat auch die folgenden **Propaganda-Postkarten** herausgegeben:

No. 1, mit „Abriss der Grammatik der Weltverkehrssprache Esperanto" auf der ganzen Rückseite. (Für Mitteilungen kann die linke Hälfte der Vorderseite benutzt werden.) Preis: 100 Stck. = 1,30 M.

No. 2, mit deutschem Text auf der linken Vorderseite (Urteil des russischen Schriftstellers Leo Tolstoi über Esperanto). Preis: 100 Stck. = 0,80 M.

No. 3, mit Esperanto-Text auf der linken Vorderseite (kurze Uebersicht über Wesen und Verbreitung des Esperanto). Preis: 100 Stck. = 0,80 M.

Ferner eine farbig ausgeführte Glückwunschkarte mit einer auf einem Felsen am Meer sitzenden weiblichen Gestalt, die den aufgehenden Esperanto-Stern betrachtet. Preise: 1 Stck. = 0,10 M., 10 Stck. = 0,80 M., 50 Stck. = 3,60 M., 100 Stck. = 6,50 M.

*Ek.*

*

***Rakonto kaj Aventuro,** de Herschel S. Hall kaj Henry H. Barroll. American Esperantist Company, Washington (D. C.). Prezo: 0,60 M.

Jen du historietoj originalaj, kiujn legi vere kaŭzas amuziĝon. Mi nur bedaŭras, ke la rakontoj estas tro mallongaj aŭ ilia nombro estas tro malgranda! Kun granda ĝojo mi estus aŭdinta ion plian pri la loĝantoj de la planedo Mars kaj pri soldatoj esperantistaj, kiuj renkontas sin reciproke sur la batalkampo. Volonte oni legas tian raporton, kiu sin prezentas en bona lingva formo. Ĉu eble la autoroj baldaŭ daŭrigos sian rakontadon? *A. B.*

*

***Patrino Anserino,** el angla lingvo tradukis Winifred Sackville Stoner; Esperanto-Oficejo Washington D. C. Prezo: 1,— M.

Porinfanaj versaĵoj jen estas. Miriga estas la lingva lerteco de la sesjara tradukintino, ĉu vere neniu plenaĝulo helpis? Ŝajnas al mi, ke la uzitaj vortformoj ne ĉiam respondas al la kapableco de infano, eĉ de amerika infano. Mi tute ne maljesas, ke estas agrable kaj plezurige, konatiĝi kun tiaj versaĵetoj, el kiuj kvazaŭ eĥe resonas la gajaj ridadoj de infano; sed ĉu sesjara infano — sen ies helpo — kapablas, traduki en fremdan lingvon tiajn artaĵojn? Oni pardonu al mi mian malkredemon, per kiu mi ne celas ofendi iun; se mi estas malprava, supozante la helpon de plenaĝulo, mi ĝojas. Alie — oni pripensu, ke ni havas malamikojn, kiuj estas pli multe malkredemaj ol mi, rilate la eldirojn de esperantistoj.

* *A. B.*

***Le problème de la langue internationale** de E. Boirac. Prezo 0,25 M.

La „Centra Oficejo" en Paris eldonis kiel apartan kajeron tiun verketon de l' en Esperantujo bone konata rektoro de la Dijon-a universitato. Ĝi estis aperinta en la „Revue Pédagogique", en ĝi estas trafe refutataj la multaj diroj kontraŭ la ideo de artefarita lingvo kaj de Esperanto speciale. Ĉiu batalanto por nia afero trovos bonajn armilojn en tiu (franclingve verkita) pritraktaĵo. Kompreneble iuj el la argumentoj por nia afero estas bone konataj inter ni, tamen certe ĉiu trovos ankaŭ novajn ideojn. La lasta punkto refutita estas la pretendo, ke la franca lingvo fariĝu internacia lingvo. S-ro Boirac finas sian kontraŭdiron per la vortoj: Pro nia propreco kaj same pro la bono de l' homaro ni prefere klopodu akceli la alprenon de Esperanto kiel lingvon internacian de l'estonteco. *P. Chr.*

*

***Konsilaro por la farado de la sciencaj kaj teknikaj vortoj** de Rollet de l'Isle. H. F. Adolf Thalwitzer, Kötzschenbroda-Dresden. Prezo 1,50 M.

Verŝajne ne ĉiu laboranto pri starigo de sciencajteknikaj vortoj abonis la „Int. Scienca Revuo", pro tio estas laŭdinde, ke oni eldonis aparte en „Kolekto de la Internacia Scienca Revuo" kajero III, tiun raporton de la laborema kaj sperta direktoro de la Scienca kaj Teknika Komisio de la Internacia Scienca Asocio. Mi ne donas ĉi tie detalojn pri la verketo, ĉar ĉiu, kiu sin okupas pri rilataj aferoj, devas studi, atentadi tiun gravan raporton. *P. Chr.*

***En Rusujo per Esperanto,** de E. Rivier. Moskva Librejo „Esperanto". Prezo M. 1,30.

Ofte oni parolas pri la „interna ideo" de Esperanto, sed maloftaj estas tiaj neteoriaj, sed tute realaj pruvoj de ĝia ekzisto, kiajn enhavas la priskribo de vojaĝo Rusujon de la alĝeria aŭtoro. Vere tiu sessemajna vojaĝo, ĝuata en plej bela tempo de la jaro, enviigos multajn kaj instigos ilin, serĉi la ĉarmon de veturo fremdlanden ne en vizito de multaj, tamen ofte nekarakterizaj urboj, kasteloj ktp., sed en kelktempa intima kunesto kun enlandanoj. La impresema spirito de la aŭtoro kaptis ravajn bildojn, kaj multe lia bonstile verkita libro helpos, disvastigi inter la esperantistoj ĝustan komprenon pri la imperio, de kie la mondo ricevis nian lingvon. *H. M.*

*

***Du rakontoj** de E. Cehov, tradukis B. Kotzin. (Rusa Biblioteko No. 2). Moskva Librejo „Esperanto". Prezo M. 0,25.

Kiom kaptaj, pro siaj realeco kaj maltima vereco, estas tiuj du rakontoj! Kaj tamen la realista vidmaniero de la aŭtoro neniel malhelpas, ke oni ĝuu ilin kiel valorajn literaturaĵojn. La unua rakonto klopodas doni solvon de filozofia problemo, dum en la dua akre kontrastas la nuntempaj sociaj neĝustaĵoj. *H. M.*

*

**Mistera Krimo,** amuza unuakta komedieto, kiun aranĝis al Esperanto Mikaelo Cases. Prezo 0,400 Sm, havebla ĉe la aŭtoro: str. Salmeron 229, 4° 2a, Barcelona—Hispanujo.

La teatraĵo prezentita al ni traduke de la ĉefredaktoro de „Tutmonda Espero", estas trafa moko pri la nun tre ofta „sensacio pri krimoj". Supozita krimo estas malkaŝata kiel amaventuro, kompreneble iom komplika. La tipaj personoj kaj la okazaĵoj ne estas tro originalaj, kaj iom pli zorga, internacia kontrolo de la stilo helpus certe al la luda efikeco de la komedio. Tamen, pro enrigardo, kiun ĝi permesas en la hispanan kamparan vivon, ĝi estas tute leginda. *H. M.*

*

**La internacia vivo kaj lingvo,** de Iv. H. Krestanoff. Bulgara Esperanto-Biblioteko No. 3—4. Havebla ĉe la aŭtoro, kontraŭ 2 respondkuponoj po numero: Ivan H. Krestanoff, prog. instruisto, Peŝtera—Bulgarujo.

Bulgara propaganda broŝuro, kun pririgardo de la esperanta movado en eksterlando kaj en Bulgarujo.

*

**Annuaire 1911** de la Société Française pour la Propagation de l'Esperanto (S. f. p. E.) Prezo: 1,— Frs. (0,400 Sm). Havebla ĉe la Sekretariejo de la Societo, 33 Rue Lacépède, Paris.

*

**Konkordanco al la krestomatio,** verkita de J. C. O'Connor kaj C. F. Hayes. Unua parto: La Participoj. Pionira Librejo Esperanta, London SW, 135 Sellingcourt-Road.

Tute prave la aŭtoroj rimarkigas, ke estas pli utile, eldoni konkordancon nur por speciala kategorio da vortoj ol por unu tuta verko. Ankaŭ la aranĝo de la konkordanco estas tre praktika, tiel ke en malgranda volumo troviĝas ĉio sciinda pri la grava temo de la participoj. *H. M.*

## Muzikaĵoj.

**Esperanto-kantaro.** Esperanto-konsulejo Wiesbaden, Dotzheimer Strasse 74, II. Prezo komplete 3,— M.

La kantaro konsistas el notaro kaj tekstaro. La notoj prezentas kaj la melodion kaj samtempe fortepianan akompanon, facile ludeblan. La notaro konsistas el aparte aĉeteblaj notfolioj, la tutan kolekton oni kunigas per praktika kovrilo kun folipremanta dorso. La kantaro enhavas diversspecajn kantojn: esperantistajn, studentajn, migrajn, amajn, ŝercajn, seriozajn. Vere — la tuta aranĝo meritas ĉiun laŭdon kaj certe helpos, ke la kunsidoj de la grupoj fariĝos kantoplenaj. Mi kore deziras al la verketo feliĉan kaj oftege feliĉigan estontecon kaj gratulas la nenomitan eldoninton pro lia laboro. *A. B.*

## Ĵurnaloj.

**Internacia Polica Bulteno** de la Internacia Policasocio (fondiĝanta), privata organo de la policaj societoj kaj izolaj policistoj esperantistaj. Redakcio kaj administracio: Paris. Redaktoro S-ro Miguière, Policinspektoro. Jara abono: Sm 0,800.

Bedaŭrinde nur policaj administracioj kaj policistoj povas aboni. (Vidu: Internationale Esperanto-Bewegung.)

*

**Komerca Bulteno,** nova senpaga aldono al „Esperanto", organo de komerca fako de U. E. A. Redaktoro: W. A. Vogler, Hamburg.

Ni gratulas U. E. A. je tiu ĉi nova paŝo, kiu certe bone povos sukcesigi la klopodojn de U. E. A.

*

**Helpa Lingvo,** organo por la propagando de la lingvo internacia „Esperanto", ĉiumonata ĵurnalo. Redakcio kaj administracio: Cordova (Argentinien), Colon 88. Abono Sm 1,— pojare.

*

**Gestudentaj Interesoj,** oficiala organo de Ciostudenta Asocio, kvaronjara revuo por propagando de Esperanto inter studentoj. Redakcio: Esperanto-Luhacovice, Moravio; administracio: Eduard Jatezky, Kraków, ul. Dluga I 11. Galicio.

*

**Konfidenciulo,** bonega ĉiumonata amuza kaj satira ĵurnalo ilustrita, kiu estas redaktata humorplene. Administracio kaj redakcio: R. Wohlstadt, Kiel, Wrangelstrasse 45, II. Jarabono Sm 0,900, duonjarabono 0,450, unu numero 0,075, specimeno 0,050 afrankite ĉien. La abonoj povas komenciĝi en ĉiu monato, germanajn poŝtmarkojn aŭ internaciajn respond-kuponojn oni akceptas.

*

**Esperanta Penso,** monata revuo de esperantistaj laboristoj, anoj de Esperanta Ekskursa Societo. Direkcio kaj administracio: Santiago de Chile, Casilla 2850. Abonprezo eksterlanda: Jaro Sm 1,—, duonjaro Sm 0,550. 1 ekzemplero Sm 0,100.

*

Al ĉiuj niaj novaj kunbatalantoj ni deziras bonan sukceson kaj longan vivon por la bono de nia kara afero.

# Oficialaj sciigoj de la Germana Esperanto-Asocio (G. E. A.)

**Deutscher Esperanto-Bund (Eingetr. Verein) Geschäftsstelle: Bromberg, Neuer Markt 8.**

## Aufruf!

In der letzten Nummer des „Germana Esperantisto" war mitgeteilt, dass unser Bund Ende März 1911 noch keine Ortsgruppen hat in: Mecklenburg-Strelitz, Sachsen - Altenburg, Sachsen - Meiningen, Schwarzburg-Rudolstadt. Waldeck, Reuss ä. L., Lippe, Schaumburg-Lippe.

Esperantisten, die bereit sind, uns bei der Gründung von Gruppen in diesen Bundesstaaten zu unterstützen, werden gebeten, ihre Adressen der Geschäftsstelle: Bromberg. Neuer Markt 8, mitzuteilen.

*

## Vertretung des Deutschen Esperanto-Bundes auf ausländischen Kongressen.

Diejenigen Gesamideanoj, die unsern Bund bei ausländischen Kongressen vertreten wollen, werden gebeten, sobald ihre Reise feststeht, uns zu benachrichtigen und zugleich den Nachweis beizufügen, dass sie Esperanto fliessend sprechen können, sowie, falls sie uns nicht bekannt sind, Referenzen ihrer Ortsgruppe oder von anderer Seite ihren Gesuchen beizufügen. Es ist dies nötig, um Verzögerungen in der Behandlung der Angelegenheit zu vermeiden. Werden von den Betreffenden noch besondere Bedingungen gestellt, so bitten wir, dieselben nicht allgemein zu halten, sondern genau anzugeben, so dass Rückfragen vermieden werden. Es ist sehr erwünscht, dass fortan unser Deutscher Esperanto-Bund auf allen ausländischen Esperanto-Kongressen vertreten ist. Wir hoffen, dass dies zur Folge haben wird, dass auch das Ausland immer mehr unsere deutschen Kongresse durch Vertreter beschicken wird.

*Der Vorstand.*

## Lübecker Kongress.

**4. Teilnehmerliste.** a) Kongresanoj: 123. R. Stollberg, Hamburg. 124. Frau K. Stollberg, Hamburg. 125. Frl. K. Spintler, Magdeburg. 126. Frl. H. Siems, Lübeck. 127. E. Fischer, Lübeck. 128. Frl. L. Kettler, Wernigerode. 129. Frl. M. Eckebrecht, Hannover. 130. Frl. J. Tarnow, Wittenberge. 131. P. Tarnow, Barmen. 132. G. Holtorf, Schleswig. 133. Frl. M. Noll, Kopenhagen. 134. O. Sandrock, Cassel. 135. Frau Dr. Helmbold, Magdeburg. 136. Th. Meyer-Tranbjerg, Lübeck. 137. Frl. E. Paulsen, Lübeck. 138. O. Gusmann, Lübeck. 139. Frau M. Gusmann, Lübeck. 140. Frl. A. Gusmann, Lübeck. 141. Frl. E. Muuss, Lübeck. 142. Frl. H. Drückhammer, Lübeck. 143. Dr. M. Popp, Oldenburg. 144. K. Steier, Leipzig. 145. L. Istel, Wiesbaden. 146. Frau S. Istel, Wiesbaden. 147. W. Beideck, Augsburg. 148. Frl. K. Netz, Stettin. 149. Frl. E. Lehmann, Stettin. 150. H. Lucas, Stettin. 151—170. Hamburg. (Die Namenliste lag bei Schluss der Redaktion noch nicht vor.) 171. W. Münster, Stettin. 172. Dr. H. Orthal, Nürnberg. 173. K Bergmann, Nottfeld. 174. W. Waddington, Broad Oaks (Mirfield) 175. Frl. F. Haase, Lübeck. 176. Frl. H. Tamm, Lübeck. 177. Frl. M. Meier, Lübeck. 178. Frl. E. Grünfeldt, Lübeck. 179. A. Clorius, Lübeck. 180. M. Weber, Rostock. 181. Dr. A Rosenberg, Berlin. 182. F. Mosert, Berlin 183. Frau Busemann, Lübeck. 184. Frau H. Rockmann, Magdeburg. 185. H. Schmiedeberg, Delitzsch. 186. Frau K. Schmiedeberg, Delitzsch. 187. Frl. M. Kayser, Delitzsch. 188. J. Erichsen, Süderbrarup. 189. Prof. Dr. A. Schmidt, Potsdam. 190. Frau E. Muuss, Lübeck. 191. E. Wahode, Gaussig. 192. P. Günzel, Bremen. 193. Frl. W. Beyersdorff, Oldenburg i. Grhzt. 194 Frl. P. Weinschenck, Oldenburg i. Grhzt. 195. Frl. S. Müller, Oldenburg i. Grhzt. 196. Frl. J. Zschepank, Dresden. 197, 198. A. Sohrmann, Weinböhla. 199. E. Szymanowsky, Bromberg. 200. R. Arntz, Godesberg. 201. E. Marock, Bremen.

b) Helpkongresanoj: 12. G. Chilot, Paris. 13. Lübecker Esperanto - Gesellschaft. 14. Esperanto-Gruppe Bitterfeld. 15. Dr. W. Funk, Meissen. 16. Esperanto-Gruppe Fürth i. B. 17. O. Reber, Bamberg. 18. Dr. A. Fischer, Tiflis. 19. O. Funke, Altona. 20. R. Schwarz, Markersdorf. 21. W. Schmeil, Magdeburg. 22. Esperanto-Gruppe Potsdam. 23. R. Pridat, Potsdam. 24. G. Saccardi, Siena. 25. Esperanto-Gruppe „Ni laboru", Lübeck. 26. Seminar-Gruppe, Lübeck. 27. F. Ellersiek, Berlin.

*Der Kongress-Ausschuss.*
*Dr. A. Möbusz.*

## Nochmals Esperanto simpligita!

Postkarten mit dem Vergleich der Betonungslehre in Esperanto und Ido sind von der Geschäftsstelle Bromberg, Neuer Markt 8, postfrei zu folgenden Preisen zu beziehen:

| | | |
|---|---|---|
| 10 | Stück | 0,30 M. |
| 100 | „ | 2,— „ |
| 200 | „ | 3,— „ |
| 400 | „ | 5,— „ |
| 1000 | „ | 10,— „ |

gegen Barzahlung oder gegen Nachnahme. Einzelne Postkarten werden als Muster gegen Einsendung einer 5 Pf.-Marke portofrei versandt.

*Die Geschäftsstelle.*

## Peto!

Preninte sur min la fakon „propagando inter la blinduloj" mi petas ĉiujn gesamideanojn, doni al mi informojn kaj materialon, kiuj koncernas mian taskon. Precipe mi petas, sendi al mi ĉiujn literaturaĵojn rilatajn al la temo: „Esperanto kaj la blinduloj". Personoj,

kiuj jam praktike propagandis inter blinduloj kaj en blindulejoj, estas petataj komuniki al mi kiel eble plej detale siajn spertojn.

Antaŭdankon al ĉiu helpanto.

*Fako IX. de G. E. A Nürnberg, Königstrasse 15, I.*
*Dr. H. Orthal.*

## Konsilantaro de l' G. E. A., fako 10.

1. La titolo de l' fakestro estas nun Oberamtsrichter, ne plu Staatsanwalt.

2. Por povi kunmeti fakan adresaron, oni petas la germanajn esperantistajn juristojn, kiel eble plej baldaŭ sendi siajn adresojn al la fakestro.

3. Esperantistaj juristoj, kiuj estas pretaj, partopreni en praktikaj laboroj pri juraj temoj en Esperanto, estas petataj, anonci sin ĉe la fakestro kun aldono de tiuj specialfakoj, pri kiuj ili prefere laboras.

4. Ĉiuj esperantistaj juristoj kaj interesuloj estas petataj, partopreni en la laboroj de la jura fako de la akademiana ligo pri la kreo de jura terminaro. La temojn oni trovos en la oficiala organo de la nomita ligo: Rund um die Welt, aperanta ĉe Heckner en Wolfenbüttel. *A. Reinking.*

## Mitarbeiter für das Ressort „Presse" gesucht.

Die Tages-, namentlich Fach-Presse muss noch viel intensiver, als es bisher geschehen ist, bearbeitet werden. Dies kann aber nur dann geschehen, wenn eine weitgehende Arbeitsteilung eintritt. Es sollten daher alle diejenigen, die bereit sind, das Ressort „Presse" durch Mitarbeit zu unterstützen, sich für ihre Bearbeitung ein engbegrenztes Gebiet aussuchen. Der eine schreibe z. B. nur für Jugendzeitschriften, der oder die andere für Familienblätter, ein dritter für Sportblätter, ein vierter für Fachzeitungen der Textilbranche, ein anderer für Handwerkerzeitungen, ein sechster für Lehrzeitungen usw. Jeder aber biete einen unentgeltlichen Esperantokursus an. Ein solcher Kursus wird durch Vermittlung des Ressortleiters den Mitarbeitern zur Verfügung gestellt werden. Wir bitten daher, alle diejenigen, die bereit sind, bei dem Fach „Presse" tätig zu sein, sich bei dem unterzeichneten Ressort zu melden und gleichzeitig das spezielle Gebiet anzugeben, auf dem sie sich betätigen wollen. Auch ist der Ressortleiter, Herr Winkelmann, bereit, solchen Mitarbeitern, die die Artikel nicht selbst verfassen, sondern nur weitergeben wollen, geeignete Artikel zur Verfügung zu stellen.

*Deutscher Esperanto-Bund, E. V.*
*Ressort XIV (Presse).*
*Geschäftsstelle: Dresden-A., Zahngasse 12.*

## Wörterbuch für Fachausdrücke.

Zur Erlangung eines guten Wörterbuches von Fachausdrücken dürfte es sich empfehlen, dass jeder Esperantist, der daran Interesse hat, ein möglichst vollständiges Verzeichnis der in seinem Fach vorkommenden deutschen Ausdrücke aufstellt, sie nach besten Kräften in Esperanto übersetzt und an das unterzeichnete Ressort einsendet, wo die Uebersetzungen geprüft und evtl. vervollständigt werden sollen.

Um doppelte Bearbeitung desselben Fachs zu vermeiden, bitten wir die Herren, die zur Mitarbeit bereit sind, uns bald das gewählte Fach anzugeben, worauf ihnen sogleich mitgeteilt werden wird, ob sich dafür schon ein anderer Bearbeiter gemeldet hat.

Sehr erwünscht sind besondere Ausdrücke aus den verschiedenen Handwerken, Schneiderei, Schlosserei, Tischlerei usw.

Ebenso könnten die Berufe, die sich zu einem Fachesperantoverein zusammengetan haben, wie z. B. die Postbeamten, Lehrer, Juristen usw., gemeinsam solche Verzeichnisse anfertigen und übersetzen und evtl. auf Wunsch an uns zur Kontrolle einsenden.

Diese Sammlungen könnten dann zur Veröffentlichung gelangen, evtl. auch in der Oficiala Gazeto dem internationalen Verkehr zugeführt werden.

*Ressort XXI der G. E. A.*
*Leopold Elb,*
*Kötzschenbroda b. Dresden, Blumenstr. 12.*

## Nova peto.

G. E. A. rajtigis min esprimi novan peton. Estus al mi tre utile, posedi la programojn de ĉiuj esperantistaj festoj. Tial mi petas la societojn kaj grupojn, aranĝintaj festojn, ke ili sendu al mi po dek ekzemplerojn de la programo. Unu apartenos al mi mem, dua estos kolektata en arĥivo kiel historia memoraĵo, la ceterajn mi uzos por helpi kaj konsili aliajn grupojn. Tre danka estos

*Marie Hankel, Dresden, Nicolaistr. 18.*

## 100 000 Mark-Fonds.

Siebente Liste der eingegangenen Bausteine.

P. Chr., St., 8; Stuttgarta Esperanto-Stelo, 1; Karl Mann, Berlin-Friedenau, 1; Carl Vordermayer, Waiblingen, 1; Rich. Stauss, Stuttgart, 1; Esperantista Unuiĝo, Meissen, 1; Esperantista Unuiĝo Meissen, (freiwillige Beiträge der Mitglieder) 3; Esperanto-Societo Delitzsch, 1; Sächsisches Esperanto-Institut, Dresden, 10; Esperantista Grupo, Reichenberg i. Böhmen, 1; Wilhelm Przytulla, Bitterfeld, 1; H. Gehle, Bremen, 2; Fratoj Marock, Lehrer, Bremen, 1; Lehrer J. Müller, Bremen, 1; Lehrer B. Böning, Bremen, 1; Lehrer P. Hünzel, Bremen, 1; C. Renken, Bremen, 1; Lehrer W. Fricke, Bremen, 1; Fabrikdirektor Gesell, Delmenhorst, 1; Prokurist F. Schuck, Bremen, 1; Victor Melchior, Offenburg, 1; Heinrich Reinle, Offenburg, 1. Zamenhoffonds (lt. Beschluss der letzten Beiratssitzung) 290.

Zusammen 1085½ Bausteine = **10 855,— M.**

Ausserdem Serie II: 310,— M. bedingte Zeichnungen.

## Zamenhoffonds.

| | |
|---|---|
| E. Scheerpeltz, W. Meseritsch . . . . | 10,— M. |
| Vergl. G. E. 5, S. 116 . . . . . . . | 3063,46 „ |
| zusammen | 3073,46 M. |